7 Juin 1908. 7a Junio 1908. 87a NUMERO. 7n Juni 1908.
6a JARO. 20a numero




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.
Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**
Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**
Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,
53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

**JARKOLEKTO : 6 FR.**

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

| ABONNEMENTS | | ABONOJ | | INSCHRIJVINGEN | |
|---|---|---|---|---|---|
| Un an, au moins (tous pays) | fr. 6,00 | Unu jarkolekto, almenaŭ | Sm. 2,40 | 1 jaar ten minste (alle landen) | fr. 6,00 |
| Membres de la Ligue | » 7,00 | Membroj de la Ligo | » 2,80 | Bondsleden | » 7,00 |
| Membres protecteurs de la Ligue | » 10,00 | Protektantaj membroj de la Ligo | » 4,00 | Bonds-beschermleden. | » 10,00 |
| Un numéro | » 0,25 | Unu numero | » 0,10 | Het nummer | » 0,25 |
| L'année parue | » 6,00 | Unu antaŭa jarkolekto | » 2,40 | Het verschenen jaar | » 6,00 |
| Envoi à l'étranger (par envoi). | » 1,00 | Sendo alilande (po sendo) | » 0,40 | Buitenland (per zending). | » 1,00 |

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1ª de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn n^oj^n
Ĉiam aldonu la abonkoston. Ni ne akceptas poŝtmarkojn, ni ŝatas nur poŝtmandatojn.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | | Nacie | | Internacie |
|---|---|---|---|---|
| **Amerika Esperantisto**, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. S. A. | d. | 1.00 | Sm. | 2.05 |
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | » | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistů**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Dana Esperantisto**, Gyldenlovesgade, 16, Kopenhago | kr. | 2.60 | » | 1.45 |
| **Eho Esperantista**, aldona de « Das Echo ». J. H. Schorer, 1, Dessauerstr. Berlin | mk | 5.00 | » | 2.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero**, monata, Nevski prosp. d. No 147, St-Petersburg | fr. | 10.00 | » | 4.00 |
| **Estlanda Esperantisto**. Sro J. A. Rahamagi, Weike Kalamajo uul. 7, k. 2, Revel (Russie). | r. | 1.00 | » | 1.10 |
| **Eŭropa Kristana Celado**, Sro Ch. Briquet, 4, Cité, Genève (Suisse) | Ŝ. | 1/6 | » | 0.75 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | 1.70 |
| **Finna Esperantista**, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando | Fmk. | 1.50 | » | 1.20 |
| **Flugila Stelo** stenografie. Sro Fr. Schneeberger, Lüsslingen (Suisse) | fr. | 2.00 | » | 0.80 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Germana Esperanto-Gazeto**, duonmonata Verlag: H. Wuttke, Pionierstr. Magdeburg | » | 4.00 | » | 2.00 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIª | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Belga Sonorilo**, duonmonata, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles. | fr. | 6.00 | » | 2.40 |
| **La Esperanta Instruisto**, Guilbert Pitman, 85, Fleet str. London, E. C. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **L'Etoile Espérantiste**, mensuelle. Administration 3, rue Sophie-Germain, Paris | fr. | 2.00 | » | 0.80 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **La Verda Standardo**, esperanto, Sro A. Marich, Ullöi ut 59, Budapest IX | Kr. | 4.00 | » | 1.68 |
| **Paris-Esperanto**, Sro V. Chaussegros, 3, place Jussieu, Paris Ve | fr. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, Marszalkowska, 143, Warszawa (Varsovie) | r. | 2.00 | » | 2.20 |
| **Roma Esperantisto**, Sro Luigi Giambene, 198, via Babuino, Roma. | L. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Rumana Esperantisto**, 5, Str. I. C. Brâtianu, Bukarest, Roumanie | L. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Rumena Gazeto Esperantista**, Strada Speranta 1, Galatz, Roumanie | L. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Ruslanda Esperantisto**, Nikolaerskaja Str. 33, loĝ 24. Peterburgo | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Stelo Kataluna**, Rambla S. Isidro, 30, Igualada-Barcelona | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., Sro Rafael Duyos, Cirilo Amoros, 28, Valencia | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **The American Esperanto Journal**, 211, West 126 Str. New York City, N. Y., U. S. A. | d. | 1.00 | » | 2.00 |
| **The Esperanto News**, 10, Wall Street, Room, 510, New-York City U. S. A. | d. | 1.00 | » | 2.00 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **Tutmonda Espero**. Paradis, 12, principal. Barcelona | fr. | 3.00 | » | 1,20 |
| **Verda Stelo**, hispana-esp. A. Vargas 3ª del Reloj, nº 12, Mexico, D. F. | p. | 1.00 | » | 2.00 |

7 Juin 1908. 7a Junio 1908. 87a NUMERO. 7n Juni 1908.
6a JARO, 20a numero.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## LA DÉRIVATION EN ESPERANTO.

(*Suite*).

### COMPOSITION.

Ainsi que nous le disions en terminant notre article précédent, nous en finirons aujourd'hui avec les règles de dérivation et de composition en « Esperanto mis au point. »

***

**Composition.** — On forme des mots composés en soudant deux radicaux (avec intercalation d'une finale voyelle quand l'euphonie le sollicite); le radical principal est toujours le dernier et son sens est spécifié par le premier radical.

Exemples :

## DEVENO EN ESPERANTO.

(*Daŭrigo*).

### KUNMETO.

Kiel ni tion diris finante nian antaŭan artikolon, ni plenumos hodiaŭ nian studon pri la devenalaj reguloj kaj pri kunmeto en « plibonigita Esperanto ».

***

**Kunmeto.** — Oni formas la kunmetitajn vortojn kunigante du radikojn (kun intermeto de finanta vokalo kiam la bonsoneco tion postulas); la ĉefa radiko ĉiam estas la lasta kaj ĝia senco estas specifata per la unua radiko.

Ekzemploj :

| | | |
|---|---|---|
| *dormoĉambro* | = chambre à coucher | = *ĉambro por dormi;* |
| *vaporŝipo* | = bateau à vapeur | = *ŝipo movata per vaporo;* |
| *ĉielblua* | = bleu-ciel | = *blua kiel ĉielo;* |
| *sabrobati* | = sabrer | = *bati per sabro;* |
| *vesperhodie* | = ce soir | = *hodie je l' vespero;* |
| *ĉielarko* | = arc en ciel | = *arko en ĉielo.* |

On voit que, dans un mot composé, la relation entre les éléments composants est sous-entendue et variable : « *por, movata per, kiel per, je, en...* »

C'est en cela que la *composition* diffère de la *dérivation;* dans la dérivation en effet, les affixes expriment *explicitement* la relation des idées.

La composition par prépositions forme la transition entre la dérivation pure et la composition des radicaux: elle doit obéir en général à la règle de

Oni vidas ke, en kunmetita vorto, la rilato inter la formantaj elementoj estas neesprimita kaj variiva : « por, movata per, kiel, per, je, en... »

Tiele la *kunmeto* diferenciĝas de la *deveno* ; efektive en deveno, la afiksoj esprimas *plenklare* la rilaton de la ideoj.

La kunmeto per prepozicioj formas la transiron inter la pura deveno kaj la kunmeto de radikoj; ĝi devas obei, ĝenerale, la regulon pri kunmeto,

la composition, qui veut que le mot principal soit le dernier, de sorte que, pour trouver le sens du composé, il faut en inverser les éléments.

Ainsi *almiliti*, employé par l' Esperanto actuel avec le sens de conquérir, est à condamner ; d'après la règle de la composition *almiliti* se décompose en *militi al*, et *militi al* n'a pas de sens acceptable.

Il en est de même de *perforto* (violence), *survango* (giffle), *perlabori* (acquérir, g gner par son travail), etc. Tous ces mots, employés par l' Esperanto actuel, sont à rejeter sans hésitation ; aucun n'a, par sa composition même, de sens acceptable.

Ainsi *perlabori* se décompose, d'après la règle, en *labori per*, et *labori per* ne peut signifier « gagner par le travail » ; cette idée se traduit analytiquement par *gajni per laboro* ; pour remplacer cette expression analytique par un mot composé, on pourrait dire « *laborgajni* » ; mais ce composé serait lourd, peu clair et inutile.

kiu postulas ke la ĉefa vorto estu la lasta, tiamaniere ke, por trovi la sencon de la kunmetaĵo, estas necesa inversigi la elementojn.

Ekzemple, « almiliti » uzata en la nuna Esperanto por traduki la francan « *conquérir* » estas forĵetenda; laŭ la kunmetala regulo, « almiliti » sin dividas en « militi al » kaj « militi al » havas nenian akcepteblan sencon.

Same okazas pri « perforto » ; « survango » ; « perlabori » ; k. c. Tiuj vortoj, akceptitaj en la nuna Esperanto, estas forĵetendaj sen ŝanceliĝo ; neniu el ili havas, pro ĝia kunmeto mem, akcepteblan sencon.

Ekzemple, « perlabori » sin dividas, laŭ la regulo, en « labori per » kaj « labori per » ne povas signifi « gajni per laboro » ; por anstataŭi tiun analizan esprimon per kunmetita vorto, oni povus diri « laborgajni » ; sed tiu ĉi kunmetaĵo estus peza, malklara kaj neutila.

***

Il ne faut pas confondre les particules *ne* et *sen* dans leur emploi à la formation de mots composés.

Nous avons déjà attiré l'attention sur ce point : *ne* marque la simple négation, tandis que *sen* (sans) marque l'absence ou la privation de quelque chose.

Exemples :

Estas necesa ne konfuzi la partikulojn *ne* kaj *sen* je ilia uzo en formigo de kunmetitaj vortoj.

Ni jam atentigis pri tiu neceso : *ne* montras la simplan neon, dum ke *sen* montras la foreston aŭ la senigon de io.

Ekzemploj :

| | | |
|---|---|---|
| *neplena* | = non plein | (*senplena* n'a pas de sens acceptable) ; |
| *senhara* | = sans cheveux | (*nehara* id. ) ; |
| *neutila* | = inutile | (*senutila* id. ) ; |
| *senkapa* | = sans tête | (*nekapa* id. ) ; |

On distinguera *senmova* (forme adjective de *sen movo*) = sans mouvement, de *nemovebla* = qui ne peut être mû = immobile = *ne movebla* (en deux mots).

Une chose *senmova* est une chose immobile au moment où on parle, mais elle peut être mobile à un autre moment; tandis qu'une chose *nemovebla* est une chose qu'on ne peut mouvoir, et qui demeure donc toujours telle. Une chose *nemovebla* est forcément *senmova* mais une chose *senmova* n'est pas forcément *nemovebla*.

On distinguera de même *sendube* = *sen dubo* = sans doute = certainement de *nedubeble* = *ne dubeble* = indubitablement.

Le premier, *sendube* s'applique à un cas non douteux au moment où l'on parle ; le second *nedubeble* s'applique à un cas qui n'est jamais douteux.

Remarquons que les mots composés avec *sen* s'opposent comme simples négations aux mots dérivés par le suffixe *oz* : *hontoza* = honteux ; *senhonta* = *ne hontoza* = sans honte.

*Malhontoza* signifie le contraire de honteux ; ce contraire c'est « effronté ».

De même

Oni diferencos « senmova » (adjektiva formo de « sen movo ») kaj « nemovebla » = kiu oni ne povas movi = ne movebla.

Io senmova estas io sen movo en la momento kiam oni parolas pri ĝi, sed ĝi povus moviĝi en alia momento ; dum ke io nemovebla estas io, kion oni ne povas movi, kaj kiu ĉiam restas tiela. Io nemovebla estas devige senmova, sed io senmova ne estas devige nemovebla.

Same oni diferencos « sendube » = sen dubo = certe, kaj « nedubeble » = ne dubeble.

La unua, « sendube », sin aplikas al okazo ne duboza en la momento kiam oni parolas pri ĝi ; la dua, « nedubeble » sin aplikas al okazo kiu neniam estas duboza.

Ni rimarku ke la kunmetitaj vortoj per *sen* kontraŭas, kiel simplaj neoj, al vortoj devenitaj per la sufikso oz : senhonta = ne hontoza.

Malhontoza signifas la malon de « hontoza » ; ĝia franca traduko estas « *effronté* ».

Same

*kuraĝoza* = courageux ;
*senkuraĝa* = *ne kuraĝoza* = sans courage ;
*malkuraĝoza* = lâche.

Les mots composés avec *sen* traduisent les dérivés en *los* de l'Allemand, et les dérivés en *less* de l'Anglais.

La kunmetitaj vortoj per *sen* tradukas la devenaĵojn per *los* de la germana lingvo, aŭ per *less* de angla lingvo.

*Remarquons enfin* que les composés avec la préposition *sen* ne se décomposent pas suivant la règle que nous avons donnée, c'est-à-dire en inversant les 2 composantes ; ainsi pour connaître la signification de *senharo* on n'inverse pas en *haro sen* ; cette exception apparente provient de ce que *sen* est en réalité employé comme préfixe (de même que *ne*).

*Fine ni rimarku* ke la kunmetaĵoj per la prepozicio *sen* ne estas divideblaj laŭ la regulo, kiun ni starigis, estas diri inversigante la du elementojn ; ekzemple por kompreni la signifon de « senharo » oni ne inversigas en « haro sen » ; tiu ŝajna escepto elvenas de tio, ĉar *sen* estas reale uzata kiel prefikso (same okazas pri *ne*).

***

Quand un verbe actif entre en composition avec une préposition, le verbe composé demeure actif.
Exemples :

Kiam aktiva verbo kunmetiĝas kun prepozicio, la kunmetita verbo restas aktiva.
Ekzemploj :

En tiu rivero oni vidas la ŝtonojn sur la fondo, tra la akvo, ĉar tiu ĉi estas pura = En tiu rivero oni travidas la ŝtonojn sur la fondo, ĉar la akvo estas pura.

On ne pourrait pas dire, dans cet exemple : « *oni travidas la akvon* ».
Et ce n'est pas l' *akvo* qui est *travidebla*, ce sont les « *ŝtonoj* » qui sont « *videblaj tra la akvo* » ; les *ŝtonoj* sont *travideblaj*, tandis que l'eau ne l'est pas, dans notre exemple ; cette eau, à travers laquelle on peut voir un objet n'est pas *travidebla* mais *diafana* = transparente.
Cet exemple montre, soit dit entre parenthèses, que la forme la plus analytique doit toujours être employée, dès qu'un doute est possible ; car la forme analytique, si elle est plus longue, empêche toute équivoque, assure la clarté instantanée, et ainsi répond bien à ce qu'on doit et peut attendre de la langue auxiliaire définitive.

En tiu ĉi ekzemplo oni ne povas diri : « oni travidas la akvon ».
La akvo ne estas travidebla ; la ŝtonoj estas videblaj tra la akvo ; la ŝtonoj estas travideblaj, dum ke la akvo ne tia estas en nia ekzemplo ; tiu akvo, tra kiu oni povas vidi objekton, ne estas travidebla, ĝi estas « diafana ».

Tiu ekzemplo montras, tion ni diras flankamaniere, ke la formo la plej analiza ĉiam devas esti uzata tuj kiam dubo estas ebla ; ĉar la analiza formo, kvankam pli longa, ne permesas iau dusencon, certigas la tujan klarecon, kaj tiele bone respondas al tio, kion oni devas kaj povas ricevi de la definitiva helpanta lingvo.

***

Par la même raison une préposition-préfixe ne peut pas rendre actif un verbe neutre; il est inadmissible en effet que la forme analytique complète puisse, en se transformant en forme concrète, changer de sens ; il est simplement évident qu'une forme analytique et une forme synthétique équivalente à la première ne sont qu'une seule et même chose.
Prenons par exemple le verbe *iri* = aller. Ce verbe est intransitif ; employé seul il n'admet pas de complément direct ; son complément se forme au moyen d'une préposition. On dit « aller à la campagne », « aller au jardin » etc.

Dire qu'on pourrait employer ici l'accusatif avec n pour indiquer le lieu où l'on va, c'est faire l'accusatif en n amphibologique ; c'est lui donner une double signification ; et dans le cas qui nous occupe c'est, en réalité, le substituer à une préposition nécessaire, indispensable.
La langue auxiliaire définitive — c'est-à-dire la plus simple, la plus claire, la plus facile, la plus rapidement assimilable, la moins sujette à discussion — emploiera l'accusatif seulement et uniquement pour montrer le complément direct.
Or *iri* = aller n'admet pas de complément direct.
C'est pourquoi « aller au jardin » se traduira par « *iri en la ĝardeno* ». Si je remplace cette forme analytique intégrale par une forme synthétique, en composant *iri* avec *en*, j'aurai « *eniri la ĝardeno* » qui doit avoir exactement la signification de la

Pro la sama motivo, ia prepozicio-prefikso ne povas aktivigi neŭtran verbon ; efektive, estas neakceptebla ke la analiza plena formo povu, aliformiĝante en konkreta formo, ŝanĝiĝi pri senco ; estas simple evidenta ke ia analiza formo kaj sinteza formo samvalora estas unu sola kaj sama afero.

Ekzemple ni konsideru la verbon « iri ». Tiu verbo estas netransitiva (netransira) ; kiam ĝi estas uzata en simpla formo, ĝi ne akceptas rektan komplementon ; ĝia komplemento estas difinita per prepozicio. Oni diras « iri en la kamparo, iri en la ĝardeno » k. c.
Se oni povus uzi tie ĉi la akuzativon per *n* por montri la lokon al kiu oni sin direktas, oni donus du oficojn al la finalo « n » ; kaj en tiu ĉi speciala okazo estus, reale, difini ĝin por anstataŭi necesan, nepre necesan prepozicion.

La difinitiva helpanta lingvo, estas diri la plej simpla, la plej klara, la plej facila, la plej rapide asimilebla, la plej nediskutebla, uzos la akuzativon nur kaj unike por montri la rektan komplementon.

Nu ! iri ne akceptas rektan komplementon.
Tial oni diros « iri en la ĝardeno ». Se mi anstataŭus tiun plene analizan formon per sinteza formo, kunmetante iri kun *en*, mi ricevus « eniri la ĝardeno » kiu devas havi precize la saman signifon kiel la unua ; konsekvence ĝi estas neutila ; aŭ almenaŭ

première ; dès lors elle est inutile ; ou tout au moins elle demanderait la répétition de la préposition ; et il faudrait dire « *eniri en la ĝardeno* ».

***

La règle qui demande qu'on place le déterminant avant le déterminé, s'appliquera aussi aux nombres ; on dira *jarcento* et non *centjaro* pour traduire un siècle = une centaine d'années ; et l'on aura *jarcentala* = séculaire ; *jarcentoza* = multi-séculaire.

En revanche on met le nombre à la première place quand il s'agit de former un adjectif composé indiquant une durée, un âge, etc. : *unutaga* = éphémère (ne durant qu'un jour) ; *sesdekjara* = sexagénaire ; *centjara* = centenaire.

***

Comme nous l'avons dit dans un article précédent, en vertu de la différence entre la composition et la dérivation, on est dispensé d'employer dans les composés les affixes qui seraient nécessaires dans les dérivés :

*kornulo* = bête à cornes (mot dérivé) ;
mais *unukorno* = licorne (mot composé) ;

*trimasto* = trois mâts (id.) ;
*tripiedo* = trépied (id.).

Il faudra dire : *folioza* = feuillu (mot dérivé) ;
mais : *trifolia* = à trois feuilles (mot composé).
De même : *nacionala* = national (mot dérivé) ;
mais : *internacia* = international (mot composé).
Et encore : *haroza* = chevelu (mot dérivé) ;
mais : *longhara* = aux longs cheveux (mot composé).

***

Nous en avons fini avec l'exposé minutieux des règles de dérivation et de composition auxquelles ont mené ces dix dernières années d'expériences faites pri, per, por, pro Esperanto.

Nous n'avons pas voulu nous borner à présenter un simple résumé, étant de ceux qui aiment à toujours justifier leurs convictions, non à les imposer. Nous avons ainsi montré à nos lecteurs le respect dû aux partisans d'une grande idée.

Notre exposé des proposi ions de Ido en ce qui concerne la dérivation et la composition, a été fait en les appliquant à l'Esperanto actuel, en gardant ses radicaux, son alphabet, toute sa grammaire.

Nous examinerons à part les autres propositions de Ido, l'alphabet, les simplifications grammaticales, etc.

Mais, dès maintenant, nous disons que l'exposé de la dérivation que nous avons fait, demande autre chose comme réponse que l'indifférence ou le renvoi de son examen aux calendes grecques.

Nous disons, que sans l'application immédiate de bonnes règles de dérivation, l'Esperanto continuera à s'auto-intoxiquer.

On pourrait garder l'alphabet, la grammaire, les radicaux actuels de l'Esperanto, avec bon espoir d'assurer le succès de la « kara lingvo », si on admettait les règles de dérivation.

ĝi postulus la ripeton de la prepozicio ; kaj oni devus diri : « eniri en la ĝardeno ».

***

La regulo kiu postulas ke oni lokizu la difinanton antaŭ la difinato, sin aplikos ankaŭ al la nombroj ; oni diros « jarcento » kaj ne centjaro, por traduki unu centon da jaroj ; kaj oni devenigos : jarcentala = kiu rilatas al jarcento; jarcentoza = multjarcenta.

Kontraŭe oni lokizos la nombron en la unua vico, kiam okazos formigo de kunmetita adjektivo, montranta daŭron, aĝon, k. c. : « unutaga » = kiu daŭras nur dum unu tago ; sesdekjara ; centjara = de kiu la aĝo estas cento da jaroj.

***

Kiel ni tion diris en antaŭa artikolo, pro la diferenco inter la kunmeto kaj la deveno oni ne devas uzi, en kunmetaĵoj, la afiksojn, kiuj estas necesaj en devenaĵoj.

Kornulo = besto havanta kornojn (devenata vorto) ;
sed unukorno = besto kun unu korno (kunmetata vorto) ;
trimasto = ŝipo kun tri mastoj (same) ;
tripiedo = objekto kun tri piedoj (same).

Estos necesa diri : folioza (devenata vorto) ;
sed : trifolia = kiu havas tri foliojn (kunmetata vorto).
Same : nacionala (devenata vorto) ;
sed : internacia (kunmetata vorto).

Kaj ankoraŭ : haroza (devenata vorto) ;
sed : longhara (kunmetata vorto).

***

Ni estas finintaj la detalan montron de la reguloj pri deveno kaj pri kunmeto, al kiuj nin kondukis la dek lastaj jaroj da eksperimento pri, per, por, pro Esperanto.

Ni ne kontentiĝis prezentante simplan resumon ; ni estas inter tiuj, kiuj ĉiam ŝatas pravigi siajn konvinkojn, ne ilin altrudi. Tiel farante, ni montris al niaj gelegantoj la respekton ŝuldatan al la partianoj de l' granda ideo.

Nia montro de la proponoj de Ido, pri la deveno kaj la kunmeto, estas farita aplikante ilin al la nuna Esperanto, konservante ĝiajn radikojn, ĝian alfabeton, ĝian tutan gramatikon.

Ni ekzamenos aparte la aliajn proponojn de Ido, pri alfabeto, gramatikaj simpligaĵoj, k. c.

Sed de nun, ni diras ke la montro de la deveno, kiun ni prezentis, postulas alian respondon ol la indiferentecon aŭ la prokraston ĝis tago neniam venonta.

Ni diras ke, sen tuja aplikado de la taŭgaj reguloj pri deveno, Esperanto daŭrigos enveneniĝi.

Oni povus konservi la alfabeton, la gramatikon, la nunajn radikojn de l' Esperanto, kun bona espero certigi la sukceson de la « kara lingvo », se oni akceptus la regulojn pri deveno.

Mais, sans ces dernières, la langue achèvera de se transformer en langue aussi irrégulière, aussi capricieuse qu'une langue naturelle, sans avoir les charmes particuliers des mauvaises habitudes, ou « tics » des langues naturelles ; et l'Esperanto ira rejoindre les essais passés de langue auxiliaire.

Avec les règles de dérivation — sans modifier ni alphabet, ni grammaire, ni vocabulaire (sauf exceptions) — l'Esperanto redeviendrait une langue logique et claire telle qu'elle promettait d'être à ses débuts, quand on n'avait que le germe admirable présenté par Zamenhof. Et l'Esperanto, grâce à l'impulsion dont il est animé, pourrait alors peut-être l'emporter dans une lutte p[illegible] un Esperanto complètement mis au point, c'est-à-dire appliquant non seulement les règles de dérivation, mais adoptant un bon alphabet sans accents, simplifiant encore la grammaire, et adoptant diverses améliorations dont nous parlerons : en un mot *un Esperanto reformé atteignant complètement le but puisqu'il serait — nous le montrerons — la limite indépassable, la limite maxima de l'internationalité conciliable avec la facilité du système.*

Si l'Esperantistaro avait été suffisamment éclairé par tous ses organes, comme il l'a été dans notre sphère, par Belga Sonorilo, il n'y a pas de doute qu'il aurait tout fait pour arriver à une entente avec la Délégation. Et peut-être eut-on pu ainsi marcher avec l'Esperanto actuel, après adoption et application radicale des règles de dérivation.

Nous avons la pleine conscience d'avoir tout fait pour montrer à l'Esperantistaro où était la bonne voie ; nous souhaitons ardemment que selon la proposition de frère Isidore, l'Esperantistaro nomme son « Académie » vraiment légale, qui — nous l'avons dit et nous le répétons — pourrait rendre à l'Esperantistaro son sangfroid et ses capacités de saine discussion, et s'entendre encore avec la Délégation.

Sinon, l'Esperanto demeurera dans la voie d'autoperdition où il s'est engagé, durant que la langue de la Délégation fera ses expériences.

Et qu'on n'espère pas que l'humanité se contentera du moins bon, du moins simple et du moins complet.

Ce serait oublier qu'elle est et sera [illegible] plus éclairée sur la question. Ce serait aussi oublier la leçon du *Volapük.*

L'humanité boude plus ou moins longtemps devant le meilleur, mais elle y vient toujours

C'est un cri d'alarme que de bons espérantistes adressent au monde espérantiste. Puisse-t-il être entendu !

B. S.

Sed, sen tiuj ĉi, la lingvo fine aliformiĝos en lingvo tiel nereguloza, tiel kapricoza kiel natura lingvo, sen havi la apartajn ĉarmojn de la kutimaĉoj aŭ « tikoj » de la naturaj lingvoj ; kaj Esperanto iros kuniĝi al la pasintaj provoj de helpanta lingvo.

Dank' al la reguloj pri deveno, — ŝanĝante nek alfabeton, nek gramatikon, nek vortaron (krom esceptoj) — Esperanto refariĝus logika kaj klara lingvo, tia, kiel ĝi promesis esti de la komenco, kiam oni havis nur la mirindan ĝermon prezentatan de Zamenhof. Kaj Esperanto, dank' al sia antaŭeco povus eble venki en batalo kontraŭ Esperanto plene plibonigita, estas diri aplikanta ne nur la regulojn pri deveno, sed akceptanta taŭgan alfabeton sen supersignoj, simpliganta ankoraŭ la gramatikon kaj akceptanta diversajn plibonigojn pri kiuj ni raportos ; unuvorte *plibonigita Esperanto atinganta plene la celon, car ĝi estus — ni tion montros — sur la limo netransirebla la maksimuma limo de la internacieco akordigebla kun la facileco de la sistemo.*

Se la Esperantistaro estus sufiĉe instruita per ĉiuj siaj organoj kiel estas instruitaj la gelegantoj de Belga Sonorilo, estas nedubebla ke ĝi estus farinta ĉion por alveni al interkonsento kun la Delegacio. Kaj forsan ni estus povintaj sukcesi kun la nuna Esperanto post akcepto kaj radikala aplikado de la reguloj pri deveno.

Ni plene konscias ke ni ĉion faris por montri, al la Esperantistaro, kie estis la taŭga vojo ; ni varme deziras ke, laŭ propono de frato Izidoro, la Esperantistaro elektu sian « Akademion » vere leĝan, kiu — ni tion diris kaj ripetas — povus redoni, al la Esperantistaro, ĝian konscion kaj ĝian kapablecon pri sana diskutado, kaj interkonsenti kun la Delegacio.

Se ne, Esperanto restos en la vojo de perdiĝo en kiu ĝi eniĝis, dum ke la lingvo de la Delegacio eksperimentiĝos.

Oni ne esperu ke la Homaro kontentiĝos per la malpli taŭga, la malpli simpla, la malpli plena provo.

Ĉar oni ne povas forgesi ke ĝi estas kaj estos pli kaj pli instruata pri la demando. Oni ne povas ankaŭ forgesi la Volapükalan lecionon.

La Homaro malŝatas pli aŭ malpli longtempe plej taŭgan novajon, sed fine ĉiam ĝin akceptas.

Estas krio alarma, kiun sinceraj Esperantistoj ĵetas al la Esperantista mondo. Ĝi estu, se eble, aŭdita ! Esperantistaro, komprenu !

B. S.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

La Komitato de la Ligo unuvoĉe akceptis al ĝon de la grupo « Bonveno » ĵus fondita en Ikselo (Ixelles). La grupo komisiis fraŭlinon Clotilde Simon por reprezenti ĝin en la Liga Komitato.

Proksima kunveno de la komitato okazos dum la 28a de Junio en Bruselo.

## PRI REFORMOJ.

(Mallonga respondo al Sro Romano Frenkel).

Mia estimata samideano Sro Romano Frenkel, agema propagandisto en Siberlando, skribis en *Lingvo Internacia* (Marto) artikolon kontraŭ la decido de la 1a Brazila Kongreso de Esperanto (Aŭgusto 1907) pri reformoj aŭ plibonigoj en Esperanto.

Jen la decido : (1)

Art. 1a. — Proponoj pri klarigoj aŭ pri pliperfektigo, ĉu pri la gramatiko ĉu pri la vortaro, devas esti sendataj al la Lingva Komitato por ke, post diskutato, ĝi aprobu aŭ malaprobu ilin.

Art. 2a. — La decidoj de la L. K. estos devigaj por la esperantistoj.

Art. 3a. — Neniu povas uzi la proponitajn reformojn antaŭ la fina decido de la L. K.

Art. 4a. — Tiu ĉi decido estos sendata al ĉiuj konataj grupoj esperantistaj, al ĵurnaloj kaj al la eminentularo de nia lingvo.

Art. 5a. — La « Kongreso » opinias, ke ĉiu reformo en la lingvo estas nekonvena dum la propaganda periodo.

Tiu ĉi redaktado estas unanime aprobita de la ĉeestantoj.

***

Mi respondu nun al Sro Frenkel.

Laŭ la klasigo de kelkaj, estas du klasoj de esperantistoj : la *fidelaj*, kiuj volas netuŝebla la Fundamenton (kia ?), kaj la reformemaj (eble *malfidelaj !*), kiuj volas iujn ajn ŝanĝojn.

Sro Frenkel estas *fidela*. Li volas nur la 16 regulojn kaj la 32 afiksojn, kiujn li nomas la 48 vort*erojn*. Li estas, ŝajnas al mi, la plej fidela el la fidelaj. Efektive estas diversaj kategorioj de fideluloj. Tiu ĉi uzas *k* anstataŭ ĥ — anarkio, monarkio — (Cart, Vortaro) t. e. sanĝas la radikojn de l' Fundamento; tiu skribas Brazilo (!) anstataŭ Brazilujo (Centra Oficejo) ; t. e. forlasas unu sufikson de la Fundamento ; unu proponas novajn sufiksojn (*aĉ*, Boirac) kaj alia, por esti agrabla al *unu* popolo permesas la uzadon de *stati* anstataŭ *farti* (Zamenhof, Letero al Angloj).

Tiuj, kiel oni vidas, estas malpli fidelaj ol Sro Frenkel. Mi eĉ kredas, ke Sro Frenkel estas, laŭ sia opinio, la *sola* esperantisto en la tuta mondo, ĉar Dro Zamenhof mem aldonis radikojn al la Universala Vortaro en la lastaj eldonoj de la vortaro germ.-esp.

Jam de longe oni rimarkis ian anarkion : ĉiu esperantisto, proponante aŭ ne ion ajn, parolante pri reformoj aŭ nenion dirante, estis enmetanta ŝanĝojn en la lingvon, ne petante tamen la opinion de la L. K., kiu estas la *centra lingva organo* de la esperantismo. Estas vera anarkio, ne dubu, tiu senorda, kaj senmetoda enkonduko de novaj formoj.

Ĝis nun la anarkio ne estis rimarkita, ĉar : 1e la reformoj estas malmultaj, kvankam ili ĉiutage kreskas ; 2e, ĉar Esperanto ne estas sufiĉe disvastigita.

La situacio de la L. K estas nenormala. Oni devis aŭdi Ĝin, kaj tamen neniu petis Ĝian opinion ; aliflanke, se tiu opinio estis petata, la L. K. silentis. Stranga afero !

Mia propono al la Brazila Kongreso de Esperanto celis : 1e, malpermesi la uzadon de ĉio, kion oni ne renkontas en Fundamento (kaj Universala Vortaro), *antaŭ aprobo de la L. K.;* 2e, devigi la L. K. esti vivanto, decidi, — Ĝi, kiu estas ĝis nun senviva korpo inter la esperantistoj vivplenaj.

La anstataŭigo de la *j* por *y* aŭ *i* estis simpla ekzemplo (1). Mi diris ke eble la braziloj *propon*us tion.

Mi nenion proponis. Sed mi garantias al Sro Frenkel kaj al la fidelaj, ke tio estus facile akceptita, ĉar ĉiuj projektoj de reformoj (eĉ — tiuj de Dro Zamenhof) proponas tiun anstataŭon (2).

Sed mi forigu tiun aferon detalan kaj pritraktu la ĝeneralan.

La projekto de la Brazila Kongreso (laŭdita eĉ de la ĵurnalo *Lingvo Internacia*) celis enkonduki *iom-post-iom*, *per natura kaj metoda vojo*, malgrandajn ŝanĝojn.

***

La decido de la Brazila Kongreso estas preskaŭ unujara, kaj de tiu tempo (Aŭgusto 1907) ĝis nun (Aprilo 1908) la Brazila Ligo Esperantista (B. L. E.) multe pripensis pri la neracia organismo de la nuna L. K. Precipe post la decido de la Delegacio. La B. L. E. rimarkigas ke la nunaj ĉefaj malfacilaĵoj de la esperantistaro naskas el la *nearjteco* de la L. K., kiu ne volas aŭ ne povas paroli en la nomo de la esperantistaro.

Tiel opiniante, la B. L. E. proponas organizi denove la L. K. (vidu projekton senditan al la 4a Kongreso), tiamaniere ke Ĝi viviĝu kaj *propravole* enkonduku plibonigojn en Esperanton.

Por la reformoj ope proponitaj aŭ proponotaj, kvankam bonaj, estas neeble altiri la ĝeneralan aprobon ; tamen la reformetoj sin enmetas en la lingvon facilege per la ĉiutaga uzado kaj igos Esperanton pli taŭga por ĝiaj celoj.

La nova propono de la B. L. E. taŭgas, ŝajnas al

---

(1) Oni decidis tion post diskutado de mia raporto pri la afero (Brazila Revuo, no 4) : Mia propono estis :

La Brazila Kongreso de Esperanto opinias :

Art. 1a. — Reformoj por simpligi, jen la gramatiko jen la vortaro de la internacia lingvo Esperanto, estas konvenaj. Oni devas sendi ilin per la pero de naciaj kongresoj aŭ Estraj Komitatoj al la Lingva Komitato, por ke ĝi, post diskutado, aprobu aŭ malaprobu ilin.

Art. 2a. — La decidoj de la L. K. estas devigaj por la esperantistoj.

Art. 3a. — Neniu povas uzi la proponitajn reformojn antaŭ la fina decido de la Lingva Komitato.

Art. 4a. — Tiu ĉi decido estos sendata al ĉiuj konataj grupoj esperantistaj, al ĵurnaloj kaj al la eminentularo de nia lingvo.

(1) Vidu mian artikolon en la 4a numero de *Brazila Revuo*.

(2) Mi diris ke la *j* kiel signo de multenombro forigis multe da aliĝoj en Brazillando, ĉar miaj samlandanoj (ne esperantistoj, kompreneble) ĝin elparolas kiel ĵ, tio, kio igas tre malbelsona la lingvo. Sro Frenkel diras ke la brazilaj mokemuloj ne aliĝas, ĉar ili scias ke oni ankoraŭ proponas reformojn en Esperanto. Mi devas rimarkigi, ke la decido pri *reformoj* ni ne publikigis portugale en la ĵurnaloj, ĉar ni scias ke tio nature malhelpus la propagandon.

La afero de la *j* estas efektive grava. Kompreneble estas facila lerni la alfabeton en du minutoj; sed, estas necese instruisto aŭ almenaŭ persono kiu jam havis la tempon (gravega afero !) lerni la lingvon. Sed kial ne aranĝi almenaŭ la alfabeton tiamaniere ke la ĉefaj popoloj povu *tuj* legi ian ajn tekston rekte, sen profesoro ? Kial ne ?

mi, por ambaŭ partioj: por la reformemaj ĉar ĝi permesas la ŝanĝojn deziratajn; por la konservemaj, ĉar ĝi ne aliformiĝas subite la nunan aspekton de la lingvo.

En la 1a projekto (kritikita de Sro Frenkel) la decidoj de la L. K. estus *devigaj* por la esperantistoj; nun, kontraŭe, ili estos *laŭvolaj*. Tiel, per tiu dua metodo, estas la esperantistaro mem kiu decidos per la uzado kaj la L. K. limiĝos *kontroli* la rezultatojn kaj la eniron de neologismoj apud arkaismoj.

Estas liberala kaj racia procedo, tamen metoda, konservema kaj monarkia.

Nia sankta libro estos ĉiam la Fundamento kiu staros firme.

« Ĉio kio *est*is bona ĉiam *est*os bona eĉ se oni havas la liberecon uzi ion pli bonan », mi skribis en la fino de la projekto diskut*end*a de la 4a Kongreso.

Mi pensas ke tiel mi donos solvon al la premega demando, pri kiu ĉiuj esperantistoj revas.

La 4a Kongreso decidu!

*Rio de Janeiro, Escola Polytechnica, la 10-4-08.*

EVERARDO BACKHEUSER.

## Pri reformo de Esperanto.

(SEKVO).

*La « Tabelo ».* Ĉe fino de l' antaŭa artikolo mi jam rimarkis, ke la anstataŭigo de la konata tabelo: iu, kial, tiam, ĉiom, nenies, k. t. p. per aliaj vortoj maloftigus la kvauton da vortoj, enhavantaj vokalon post akcentata « i ».

Tiu postulo de veraj amikoj de lingvo internacia ne estas nova; de ĉiuj flankoj, en ĉiuj tempoj oni kritikis jenan restaĵon de Volapük, transplantitan en nia lingvo.

Sro Grabowski siatempe en « Esperantisto » (la antaŭulo de ĵurnalo « Lingvo internacia ») proponis vortojn pli internaciajn, ekz. kande (kiam), al'ore (tiam), kome (kiel), sik (tiel), kvala (kia), tala (sia), kvante (kiom), tante (tiom), uve (kie), ive (tie ĉi), sempre (ĉiam), nunke (neniam) — dum la Majstro rekomendis: kvandu, tum, kom, sik, kvale, tale, kvantu, tantu, ubu, ibu, semper, nunkvam, kvu (kiu), omne (ĉia), nule (nenia) k. t. p.

Ni do vidas, ke eĉ la ĉefoj de Esperantismo ne defendis la tabelon; ili nur en kelkaj detaloj ne konsentis inter si pri la aplikota rimedo; sed se la ekzisto de ia malsano estas konstatita de kelkaj kuracistoj, diskutantaj nur pri la sanigilo — tiam oni aranĝas « *consilium* », kion faris nune la Delegacio.

Ni revenu al la tabelo. Tiajn arbitrajn tabelojn oni povas krei multnombre, kion pruvas la lingvo « Perio », en kiu ni trovas similan, sed pli kompletan kaj pli regularan (*). Jam simpla ŝanĝo de finiĝoj donus ja novan tabelon kaj ekzistas efektive nenia prava motivo, por ke ĝuste « tie » kaj ne ekz. « tiel » havu la signifon de lokeco. Kontraŭe, la spirito de lingvo postulis, ke el jenaj du vortetoj « tie (kaj ne « tiel ») estu la adverbo rilatanta al « tia », kiel « bone » al « bona » aŭ « alie » al « alia ».

Se ni anstataŭ « de tiu » uzas « ties », ni same povus ankaŭ diradi: alies (de alia), jenes (de jena), vies (de vi) k. t. p. kio kreas ja novan sintetikan formon de genitivo kiel escepton flanke de analitika formo.

Bonaj verkistoj (ekz. Dro Kabe) preferas ankaŭ la pli precizajn esprimojn: tiamaniere, ĉiuloke k. c. ol: tiel, ĉie k. c. kio pruvas, ke la oficialaj formoj ne ŝajnas tro plaĉi eĉ al la « fidelaj » samideanoj.

La vortojn de tiu tabelo oni renkontas preskaŭ en ĉiu frazo, kaj la tekstoj, kompreneblaj preskaŭ sen vortaro por ĉiu mezinstruita Eŭropano (pro la uzo de internaciaj radikoj) fariĝas enigmaj pro jenaj vortetoj arbitre elpensitaj. Ni faru provon ekz. kun sekvanta frazo: « Ĉiu homo havas ĉiam ian deziron kaj neniam ekzistos tia, kies ĉiuj postuloj estos plenumitaj ». (La sama frazo en la lingvo de Delegitara Komisio: « Omna homo havas sempre ula deziro ed nultempe existos tala, di qua omna postuli esos plenumita »).

Certe la nova tabelo ne estos same regulara kiel la antaŭa, sed ankaŭ en ĝi ni trovos formojn: omna, omno; nulu, nula, nulo; tala, tale; quala, quale, k.t.p.

Tre eraras jenaj, kiuj opinias, ke pro sia regulareco la oficiala tabelo estas facile lernebla. Ĝi estas facila por logikistoj, matematikistoj kaj aliaj, kiuj komprenis ĝian sistemplenan aranĝon; sed la granda plimulto de l' homaro (por kiu ja antaŭ ĉio la lingvo estas kreita) akiras la konon de jenaj vortetoj per peniga lernado parkere. Oni neniam intermiksos ekz. la radikojn: « ante » kaj « post » aŭ « blanka » kaj « nigra », sed jam post kelkaj monatoj de neuzado oni estas devigata serĉi en vortaro la veran signifon de tro similaj kaj neniun konatan vorton rememorigantaj: tial, tiel, tiam, tiom, ties...

Fine ankoraŭ unu rimarko. Ni havas la vorton « kvanto », ni havas ankaŭ « kvalito », do ni uzadas la radikojn « kvant » kaj « kvalt » por vortoj devenigitaj. Ĉu ne estas kontraŭ la spirito de nia lingvo krom tio krei la artajn: kiom, kiel, tiel(e) k. c. dum « quanta, quante, tanta, tante, tala, tale » estas same korelativaj kaj pli internaciaj?

*La akuzativo.* Varmegaj estis la diskutadoj pri neceseco aŭ superflueco de tiu kazo. Ambaŭ partioj citis ĉiujn eblajn motivojn por defendi sian opinion — sed ambaŭ partioj staris sur ekstremaj flankoj.

Unuj postulis (laŭ oficiala regulo) akuzativon ne nur kiel signon de objekto en la frazo, kiel signon de direkto, sed ankaŭ post vortoj signifantaj prezon, pezon, longecon kaj aliajn mezurilojn, fine ankaŭ por esprimi la daton aŭ daŭron.

La aliaj kontraŭe forĵetis entute la akuzativon, pruvante ke ĝi ne estas bezonata, ĉar multaj vivaj lingvoj ĝin ankaŭ ne posedas aŭ posedas ĝin nur teorie sed ekstere ne diferencantan per sia formo de nominativo.

La reguloj pri aplikado de akuzativo plenigas multajn paĝojn en niaj lernolibroj aŭ verkoj dediĉ-

(*) Les nouvelles langues internationales par L. Couturat et L. Leau. p. 5.

itaj speciale al sintakso. Malgraŭ tio oni ĉiam de nove legas demandojn ĉu en tiu aŭ jena okazo (ekz. post « kiel ») uzi akuzativon aŭ ĝin ne uzi.

La anoj de popoloj, kiuj en sia gepatra lingvo ne havas apartan formon por akuzativo (ekz. la francoj, angloj, la germanoj preskaŭ ĉiam) eĉ post kelkaj jaroj faras erarojn, aŭ metante ĝin senbezone, aŭ forlasante ĝin en okazoj, en kiuj la oficialaj reguloj nepre postulas ĝin uzon. Ankaŭ slavoj, kvankam ne tiom ofte, eraras, precipe post vortoj signifantaj daton aŭ daŭron.

Oni ne kontraŭdiru, ke ĉiu per iomete da diligenteco aŭ ekzercado povos akiri certecon en uzado de akuzativo. Por konvinkiĝi, ke mi estas prava — sufiĉas legi kelkajn el niaj ĵurnaloj, ekz. « Antaŭen Esperantistoj ! » kie la eraroj je tiu punkto ne estas tiom maloftaj por pardoni ilin kiel preseraroj, do ili ekzistis jam en la manuskriptoj, kvankam la gazeton certe ne redaktas malkleruloj aŭ infanoj. Oni demandu ankaŭ la anojn de komitatoj juĝintaj la konkursajn laborojn, oni legu iliajn plendojn — kaj oni vidos, ke eĉ la kandidatoj por premioj ne komprenas (kaj multaj el ili neniam komprenos) sufiĉe bone la uzon de akuzativo.

Nun ni vidu kiamaniere oni ankoraŭ antaŭ la decido de l' Delegitara Komisio penis forigi la akuzativon. Sro Dro Zamenhof en la citita reformprojekto proponis ĝin tute ne uzadi ne nur kiel esprimigilon de mezuroj, daŭro, nato sed ankaŭ kiel signon de rekta komplemento (objekto) aŭ por montri direkton. Li konsilis kiel eble ĉiam uzi normalan vortordon : subjekto, predikato, komplementoj, ekz. : patro donas libro al filo. La direkton li proponis esprimadi per aparta prepozicio : « versu », ekz. : mi iras versu la urbo.

La defendantoj de akuzativo riproĉas, ke tiamaniere oni preskaŭ ne povus uzadi liberan vortordon kaj pro tio la lingvo perdus multe da sia fleksebleco kaj la traduko el aliaj lingvoj tro deflankiĝus de l' originalo.

Ili estas pravaj kaj eble pro la samaj motivoj la Delegitara Komisio solvas la demandon jene :

Ĉar en normala vortordo, tiu ĉi mem jam sufiĉe per la loko de vortoj klarigas, kiu el ili estas subjekto kaj kiu objekto — do oni ne bezonas la lastan montri ankoraŭ duafoje per (almenaŭ superflua) «-n». Kompreneble la uzo de tiu «-n» ne estus granda nepardonebla peko, sed la miljara praktiko pruvas, ke en multaj senakuzativaj lingvoj oni povis skribi bonegajn poemojn, beletristikajn, sciencajn, unuvorte ĉiuspecajn verkojn.

Iomete alia estas la afero en renversitaj frazoj. Tie ofte la senco forigas ĉiun dubon, ekz. : libro patro aĉetis. Certe ankaŭ sen « -n » ĉiu komprenos, ke ne libro aĉetis patron sed libron aĉetis patro. Ekzistas tamen kazoj, kiuj ne estus sufiĉe klaraj aŭ eĉ estus tute malklaraj ekz. : soldato batas vilaĝano. Tiu frazo estas klara sole, se ni supozas, ke la vortordo estas normala (soldato batas vilaĝanon). Sed se la aŭtoro intencis diri : « vilaĝano batas soldaton » kaj nur pro ia ajn kaŭzo estis devigita uzi renversitan vortordon, tiam ni lin false komprenus, ĉar li nepre estus devinta skribi : soldaton batas vilaĝano.

Ni do vidas, ke ni bezonas ian rimedon por ekstere montri renversitan frazon kaj por tiu celo la Delegitara Komisio konservis nian « -n ». Ĝi estas do ilo por atentigi, se en ia frazo la objekto antaŭiras la subjekton kaj tial ĝi estas almenaŭ superflua en normala vortordo.

Transirante al aliaj okazoj, en kiuj oni nune uzas akuzativon, mi — sen timo renkonti seriozajn kontraŭdirojn — opinias, ke la frazoj : La turo estas alta cent metroj — tiu libro kostas tri frankoj — ni restos ĉe vi kvar tagoj — Londono, 10a majo 1908 k. c. estas ne malpli bone kompreneblaj ol se mi estus uzinta la oficiale postulitan « -n » : metrojn, frankojn, tagojn, 10an de, k. c.

Fine oni nune uzas ankoraŭ la akuzativon por esprimi direkton, sed nur tiam, kiam alia vorto ne montras ĉi tion jam per si mem. Oni do diras : « mi iras al onklo » — « ili veturis ĝis la landlimo, » ĉar tie ĉi la prepozicioj « al » kaj « ĝis » sufiĉe atentigas nin. Sen tiuj prepozicioj, aŭ se estis uzitaj aliaj ekz. : « mi iras en arbaron », oni metas nune la akuzativon por diferencigi tiun frazon de : « mi iras en arbaro ». Unue ni rimarku, ke la aplikado de du diversaj reguloj, en tute similaj frazoj, ne estas konforma kun la spirito de nia lingvo, kiu devas esti kiel eble plej reguloza. Due la regulo pri forlaso de prepozicioj kaj ĝia anstataŭigo per la finiĝo « -n » ne povas esti ĉiam aplikata, ĉar iafoje ĝi kaŭzus konfuzon ekz. : « oni vokis filon patrinon » (ĉu : filon al patrino, ĉu : al filo patrinon ?) La frazoj en parentezo instruas nin fine, ke la plej bona kaj plej logika regulo estas : esprimadi direkton per dativo kaj ne per akuzativo. La dativo estas ja la vera kazo de direkto, kaj de movo, ĉar mi ja certe movigas panon en direkto al knabo, kiam mi ĝin donas al li. Tiuj ekzemploj eble sufiĉos por konvinkiĝi, ke la akuzativo estas nebezonata por esprimado de movo aŭ direkto kaj la klasikaj frazoj : « la birdoj flugas en ĝardeno — la birdoj flugas en ĝardenon » povas esti same bone diferencigataj per : la birdoj flugas en ĝardeno — la birdoj flugas aden (ad en) ĝardeno aŭ fine : la birdoj enflugas (ad) ĝardeno. Konklude « -n » servas unike kiel montrilo de objekto, kiam tiu ĉi (en renversita frazo) antaŭiras la subjekton.

Stanislav Schels.

---

## Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

**MAJO.**

Ĝenerala plano kaj enhavo.

**Ĉiulandaj kutimoj :** Iom pri la veturado kaj la transportiloj en Madejro, de *E. Ĉefec*, (Germanujo).
**Diversajoj :** Kelkaj miroj en Nov-Jorko, de *William E. Baff* (Usono).
**Artista kaj literatura vivado :** La kantsocieto de Moravaj instruistoj.
**Teatro :** Pri Ifigenio en Taŭrido, de *A. Montrosier*. — Teatra prezentado en Parizo, de *Steleto*.
**Ĉiulanda literaturo :** La Aglino, fablo de *Frederika Bremer*, tradukita de *Frederik Skog*, (Svedujo). — A - e - ĉu ! Aŭ la terna fianĉiĝo, de *W. M. Page* (Skotlando). — Ĝi ne estis pomo, de *J. Fize* (Francujo).
**Diversaj sciencoj :** Filozofio. La organizo de la germanaj logioj de *Ch. Barthel* (Germanujo).
**Religia historio :** Portreto de Kristo laŭ nova trovaĵo, de *Pastro Ruspoli* (Italujo).— Religia historio laŭ Renan, de P-ro *Buquet* (Francujo).
**Virina paĝo :** Modo, de *Roksano* (Francujo).
**Pri Esperanto :** Kroniko, Bibliografio de *A. Montrosier* kaj *Steleto*.

## DOKUMENTOJ.

### Por l' ideo, ne por la formo de la lingvo internacia.

#### PRI LA LIBERECO DE OPINIO.

La 8an de Majo okazis en la London Esperanto Club *interkonsentita* diskutado pri la Netuŝebleco de Esperanto.

Sekve de la fuŝigado de mia reformema parolado, — personala afero pri kiu mi ne volas insisti — mi komprenis ke ekskomuniko sen plua diskuto estas la sola sorto taŭga por la « nefideluloj » kiuj kritikas la sanktajn tekstojn de Esperanto.

Mi pensas ke tio estas la « *natura evolucio* » de la procedoj enkondukitaj en la samideanaro, de kelkaj fundamentistoj, kaj kiujn oni trovas resumi en la tri vortoj « Buŝligo, Bojkotado, Insultado. »

Hodiaŭ, kun ĉagreno kaj naŭzo mi eliĝas el partio, al kiu mi sindoneme oferis mian tempon, mian monon kaj mian laboron.

Anstataŭ trovi en Esperantistoj kiel mi kredis, progresemulojn kaj toleremulojn, mi pli kaj pli konstatas ke Esperanto estas nur nova religiaĉo kun dogmoj kaj pastroj al kiuj oni devas obei blinde, kaj kie estas malpermesate pensi libere.

Hodiaŭ, la revoj kaj iluzioj forflugis, mi ne volas akcepti la sklavecon, kiun oni volas *trudi* al mi, kaj mi reprenas mian liberecon de opinio kaj agado.

L. de Guesnet,
Eks-Redaktoro ĉe *Tra la Mondo*,
Profesoro aprobita de Esperanto (S. f. p. E.)

Londono la 10an de Majo 1908.

Sro L. de Guesnet, ni tion esperas, ne forlasos la batalkampon de la internacia lingvo.

Ĉar Anglio, lando de la « *fair play* » (justeca ago) estas nun momente trompita pri la vera situacio, la vera demando, ni esperas ke iatage, eĉ proksime, ĝi akceptos tion, kion hodiaŭ ĝi ne konas; oni povas esti certa ke la situacio ŝanĝiĝos, spite la nuna opinio de la anglaj grupoj.

Jam pli ol unu Esperantista aŭtoro krias ke li tute forlasas la « kulpigi, elrigardi, elparoli, k. c. »

Eĉ la « Centra Oficejo » jam forlasis la ĝisnunajn formojn : « redakcio, administracio ».

La nova « spirito » komencis ĝian senigeman laboron ; jam Esperanto profitas dank' al la penadoj de tiuj, kiuj studas ĝin, ne ĝin ekspluatas.

De kelkaj monatoj oni skribas kaj verkas pli bone ol antaŭe ; multaj samideanoj komprenas ke danĝero minacas la estontecon de la internacia lingvo.

***

Ĉar kelkaj ĵurnaloj kaj cirkuleroj intencas enkonduki disputojn kaj diskutojn sur la persona kampo, ni denove deklaracias ke Belga Sonorilo restas sur la lingva kampo, kiun ĝi libere elektis.

---

Srinagar, Kaŝmirujo, Indio.
La 2an/5/08a.

Kara Samideano,

Mi permesas al mi skribi al vi por diri ke mi legadas, kun tre granda intereso, viajn bonegajn artikolojn pri « Deveno en Esperanto ». Mi tre esperas ke vi poste eldonos ilin en libra formo.

Sincere via.
H. Hart, Kolonelo.

### Malfermata letero adresita al ĉiuj Esperantistoj kaj partianoj de helpa lingvo internacia.

*Plej estimataj Sinjoroj,*

Rilate al la tre grava dilemo pri la tuja enkonduko aŭ ne de reformoj en Esperanton kiu malkvietigas ne sole la tutan Esperantistaron sed ankaŭ ĉiujn partianojn de helpa lingvo internacia, kies nombro treege superas ties de la Esperantistoj, mi permesas al mi fari kelkajn sugestiojn kiuj eble povu alkonduki al la solvo dezirota.

Nun ke la komitato de l' Delegitaro internacia elektis principe la lingvon « Esperanto » kiel la plej taŭga por internacia uzado, kio estas grava ŝateco de tiu lingvo, ĉu ne estas pli saĝe submeti al la rajtigita aŭtoritato de ĉiu nacio civilizita la sciigon pri tiu elekto ol daŭrigi la nunajn akrajn disputojn. Samtempe, post interkonsento inter la komitatoj elektitaj de l' Delegitaro kaj la Esperantistaro, protokolo pri la lingvo Esperanto reformita devas esti submetita, kune kun aldono enhavanta iajn reformojn aŭ aldonojn speciale proponitajn de ambaŭ komitatoj aŭ iaj privataj personoj.

Tiamaniere la diversaj registaroj povos mem ŝati ĉu la lingvo submetita estas sufiĉe perfekta aŭ pliperfektebla por pravigi la alvokon de internacia komisio oficiale rajtigita por la plua studado de la problemo.

Okaze ke la registaroj ne prenos sur sin la tujan solvon de la problemo sed decidos atendi pli oportunan momenton tiam la partianoj de Esperanto fundamenta kaj tiuj de Esperanto reformita povus agadi propremove se ili tiel volus.

Ĉar la deziro de ĉiuj partianoj de internacia lingvo estas allogi la aprobon kaj subtenon de la registaroj ili devas peni eviti ĉian malpacon inter si kaj interkonsente agadi, ĉar la unueco alportas la fortecon.

Kun altestimataj salutoj

Via plenkore,
Charles J. Edwards,
*Ano kaj Diplomito*
*de l' Brita Esperanta Asocio,*
*kaj Sekretario*
*de l' Ĝibraltara Societo Esperanta.*

Ĝibraltaro, majo, 1908.

Tiu letero montras, ke Sro Edwards akceptas interkonsenton kun la Delegitaro. La skribanto parolas pri « rajtigita aŭtoritato de ĉiu nacio » ; nur la Esperantistaj rajtigitaj aŭtoritatoj estas kompetentaj; la registaraj aŭtoritatoj ne atentos la demandon ĉar la demando pri helpanta lingvo kvankam tre grava, ne ankoraŭ estas inter la demandoj, kiujn klopodas solvigi la diversaj registaroj.

---

### REVOLUCIANO.

Ĉar mi ne volis obei sufiĉe blinde al la Pariza registaro, mi estas ekskomunikita. Ĝi ne povas toleri, ke kandidato faru mem sian programon. Tiu programo estis publikigita antaŭ ol mi ricevis redaktajon altrudatan sub minaco. Kvankam mia deklaracio estas kiel eble plej Zamenhofa, Sro Carlo Bourlet decidis, ke la Parizaj samideanoj ne povas voĉdoni por mi. Li nomas tion *necesa disciplino* : la kandidatoj de li elektitaj, estas la *kandidatoj de Esperanto* ĉar Esperanto estas Li: Kiu ne kliniĝas antaŭ Li, tiu estas suspektinda. Ekzistas nur unu fideleco, la fideleco de Li difinita.

Ĝis nun mi havis tre duban reformemon, malpli ol Doktoro Zamenhof, kiu « tre malfacile povas deteni sin de plibonigoj ». Por mi la detenado estis tre facila. Sed hodiaŭ mi konfesas, ke mi iĝis nepre reformisto. Mi volas la plej gravan el ĉiuj reformoj. Jen la revolucio, kiun mi komplotas : renversi la aŭtokratikan registaron kaj anstataŭiĝi ĝin per respubliko.

Anstataŭ imperiestra moŝto, Carlo Ia, ni havos nur demokratikan prezidanton, D-ron Zamenhof. Nia imperiestro estas tro inteligenta por ne sekvi la ekzemplon de Dom Pedro : kiel la Brazila imperiestro li rifuzos verŝigi la sangon de siaj eks-subuloj.

A. Michaux.

Jen la deklaracio kiun S-ro C. Bourlet ne trovis ortodoksa : « La sola lingvo propagandata de la S. F. P. E. estas Esperanto tia, kia ĝi estas difinita per la verkoj kaj la deklaracio de Zamenhof, evolucionta sub direktado de centra institucio aŭtoritatigita de la tuta Esperantistaro. »

A. MICHAUX.

Ni memorigas ke S^ro^ Michaux kuraĝis organizi la unuan kongreson kvankam multaj samideanoj hezitis. Dank'al lia fervora agado li sukcesis, ni povas diri ke li estas la plej simpatia el ĉiuj francaj Esperantistoj.

Por ke oni plene komprenu la artikolon de S^ro^ Michaux, ni sciigos ke la Pariza grupo prezentis kandidatojn por la elekto de l' Komitato S. f. p. E ; tiu grupo decidis, potence kaj nepre, ke ili estos la kandidatoj de Esperanto !

## PLIBONIGULAĈOJ.

Estas tre utila al ni, ke la mondo parolu pri Esperanto, sed tre malutile, ke ĝi parolu pri la nuna interesperantista malkonsento, estas do necesege, ke tiu malkonsento tuj ĉesu. Tio kion deziregas ĉia vera esperantisto estas trudi Esperanton al la mondo. Ni do nur devas pensi kaj labori pri tio. Estas tro malgrandaj niaj fortoj por ke ni disperdetu ilin en flankaj esploroj. Kontraŭe ni pligrandigu ilin per severa unueco kaj kunsento. Ĉiujn, kiuj faras pereigan propagandon per insistaj proponoj pri reformoj ni forstreku el niaj vicoj. Pri ilia malutila laborado silenton kaj malŝaton ni devas kontraŭmeti. Tiel ni ĉesigos la krizon, kiun ni trairas.

Tiu malfacila situacio almenaŭ konigis al ni la internajn raŭpojn kiuj mordetas Esperanton. Feliĉe ili estas malmultaj; kaj estas necese ke niaj legantoj ilin konu.

Inter la plej obstinemaj estas « La Belga Sonorilo », kiu, se ĝi estus bieno de S^ro^ Couturat, ĝi (sic) ne laborus pli malamike kontraŭ Esperanto, ol ĝi faras nun.

V. S. rompas ĉiajn rilatojn kun ĝi, kaj ĝin konsideras kiel se tiu ĵurnalo apartenus al alia sekto. Ĝi plu ne ekzistas por ni, kaj ni same agos pri ĉiuj personoj aŭ gazetoj, kiuj sin apartigos el la rekta vojo.

Pli baldaŭ ni venkos se ni estas malmultaj unuigitaj soldatoj, ol se ni estus multaj disputantoj, pri kiuj estus ridindaj la epitetoj « samideanoj » « pacaj batalantoj, » k. c.

Unuecon (sic) kaj antaŭen !

*(El Verda Stelo).*

Verda Stelo, oficiala organo de la Centra Meksika Esperantista Societo, jam atingis sian 8^an^ monatan numeron. Tiel oni komprenos ĝian fundamentistan koleron kontraŭ ĉiuj, kiuj praktikis la lingvon dum pli da jaroj ol la nombro de la numeroj de la plena kolekto de Verda Stelo, kontraŭ tiuj, kiuj praktike povis intime konatiĝi kun la kvalitoj kaj la difektoj de la lingvo, kaj intencas forigi la difektojn, malgraŭ la opinio de la novbakitoj, tre honestaj kaj, aliflanke malgraŭ la kontraŭagoj de la eldonista gento.

Sciigante ke La Belga Sonorilo ne plu ekzistas por ĝi (!) Verda Stelo tamen anoncas nian ĵurnalon inter la Esperantistaj ĵurnaloj, almenaŭ ni tion vidis en ĝia 8^a^ numero.

Verda Stelo rapide elkstreku nian ĵurnalon el viaj sciigoj por ke viaj legantoj estu religie nesciantaj pri ĉio, kio ne estas Esperanto de la fanatikuloj !

Tiel jam faris « Lingvo Internacia » kaj « Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu » !

Verda Stelo kuraĝe agu kiel ili, ni tion deziras... Sankta afero! Blindigu vian legantaron...

MOZANO.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

Rumana Esperantisto, oficiala organo de la Rumana Esperantista Societo disdonis ĝian unuan numeron, tre amp eksan. Niaj gelegantoj jam konas la Rumenan gazeton Esperantistan, kiu estas eldonata de la Unua Rumena Societo Esperantista. Ili konstatos ke niaj samideanoj de Bukarest kaj Galatz ne povas eĉ akordiĝi pri la nomo de sia lando...... Eble natura evolucio ?

La Rumana Esperantisto reproduktas la faman Deklaracion de la Esperantistaj Gazetistoj kaj eĉ jam enskribiĝas en ĝi.

Sed erare ĝi enskribis ankoraŭ La Belgan Sonorilon ; pri tio niaj gelegantoj konas nian opinion : ni neniam akceptis enkatenigi nian liberecon pri penso, parolo kaj ago. Ni detale klarigis nian sintenadon en nia 77^a^ numero, p. 118. Ni esperas ke Rumana Esperantisto pri tio informos sian legantaron.

La revuo « European Christian Endeavour » estas de nun eldonita parte en lingvo Esperanto kaj elektis la titolon : « Eŭropa Kristana Celado ». Jara abono kostas 0.75 Sm.; la eldonisto estas S^ro^ Ch. Briquet, 4, Cité, Genève.

Nova revuo aperis ankoraŭ en New York City; ĝia titolo estas nur en angla lingvo : « The Esperanto News » Jara abono estas unu Dolaro = 2 Sm.; la adreso de la Societo eldonanta : 10, Wall Street, Room 510. La gazeto estos duonmonata, en angla lingvo kaj Esperanto.

La Komitato Katolika dum la Dresdena Kongreso estas jam starigita. Jen la nomoj de la komitatanoj : Prezidanto: La Respektinda kanoniko Pichot, Prezidanto de la « Institut de la Paix » Monaco, kaj delegato por la Pacmovado en La Haye kaj Boston. (U. S. A.). Sekretario : abato Austin Richardson, profesoro en la « Institut S^t^-Louis » Bruselo.

Direktoro por la Diservoj dum la kongreso : Pastro Frohns, parokestro de Warstade (Hanovro) Germanio.

Sekretario de la S. K. I. Abato Derroite, Parizo.
Sekretario de la P. E. F. Abato Richardson.

MOZANO.

## AMIKEJO.

Parto de nia Belga Esperantistaro, — tre malgrava parto se oni akceptas mian diron — ŝajnas freneze entuziasmiĝi pri la projekto de Amikejo, Esperantista kolonio kiu estus fondota en Moresnet-Neŭtra kaj kiu — tion oni serioze diris — pro ĝia geografia situacio, « lokizita ĉe la vojkruciĝo de la homaro » (!) estus certe difinita por realigi, la plej plene eble, la Amikejismon « la doktrinon, kiu devenigas estontan definitivan pacon (por kiu disvastigado de Esperanto estus esenca faktoro) de internacia influo sur la faktoj ekonomiaj. »

La leganto ĝis nun aŭdis nur la laŭdantajn artikolojn, kiujn La Belga Sonorilo bonvole akceptis kaj

enpresis; estu al mi permesata altiri atenton de la promovantoj de la projekto al la danĝero, kiun naskas el disvastigo de cirkuleroj en kiuj oni diras ke « en proksima junio okazos, en Amikejo granda manifesto al kiu partoprenos ĉiuj Esperantistaj grupoj de Belgio kaj de la najbara alilanda regiono....» (cirkulero al la Belgaj ĵurnaloj).

Bonvolu rimarki ke la Belgaj grupoj ĝis nun ne rapide aliĝis al tiu « granda manifesto » kaj ke eĉ multaj el ili ne scias la unuan vorton de tiu projekto.

Post kelkaj semajnoj, ni legos en ia verda organo sud-amerika aŭ sud-eŭropa ke miloj da Belgaj samideanoj starigis la verdan standardon en mezo de la triangula neŭtra teritorio de Moresnet (kiu nur estas teritorio disputita de la kancelarioj Preŭsa kaj Belga) kaj la trograndigo kiu akompanos la « solenan inaŭguron de Amikejo » renkontos facile skeptikojn kiuj rajte mokos pri tio.

Esperanto, kiu jam havas multajn mallertajn amikojn, kiuj malhelpas ĝin, ricevos novan baton.

Persone ni konsideras ke nia devo postulas krii: atentu!

***

*Calamine* (Kalamin) estas parto de la vilaĝo Moresnet en kiu lokiĝas la minejoj de natura oksido de zinko (france: *calamine*). De multaj jaroj, tiu triangula lando estas disputita de la Belga kaj Preŭsa registaroj, kiuj kune regas ĝin; konsekvence la lando, anstataŭ esti neŭtra, estas samtempe submetita al la leĝoj de la reĝlandoj de Preŭsio kaj Belgio.

Krom la fervojo kiu utilas por la ekspluato de la minejoj de la « Malnova monto » (*Altenberg*, *Vieille-Montagne)* kaj kiu ne transportas vojaĝantojn, ne ekzistas ĉefan vojon al la najbaraj regionoj; la fervojo kiu trapasas tra Moresnet (belga vilaĝo) ne certe alkondukos tie la amasegon da komerc-vojaĝistoj, eĉ se oni akceptas ke la loĝantaro de Calamine ekskluzive parolus Esperanton.

Tio, nune, estas nur vaga espero.

***

Mi opinias ke ekzistas, por la Belgaj grupoj, propagando multe pli laŭdinda kaj apoginda; manifestoj de Esperantista propagando baldaŭ okazos en Folkstone (organizita de la grupo en Calais) kaj en Armentières (Francio); aliaj estis organizitaj de la Belgaj grupoj, mi nur citos la propagandon tiel fruktodonan de niaj Antverpenaj amikoj en Mariaburg; tio estas bonaj celoj da ekskursoj, kiujn oni devas utile apogi.

Ĉu la multaj grupoj kiuj partoprenos la junia ekskurso en Moresnet sendos ankoraŭ kelkajn el siaj membroj en Folkstone kaj en Armentières?

Ankoraŭ ekzistas aliaj agoj de vera propagando, ni penis montri ilin al niaj belgaj samideanoj, sed nesukcese. Mi citos nur unu, por montri ke la agoj utilaj por nia kaŭzo, ne ĉiam renkontas la apogon, kiun renkontas tiel facile fantaziaj projektoj: la Belga Esperantista Ligo klopodis por rikolti deklaraciojn subsignitajn de Esperantistoj, kaj tio ĝi faris celante provi al la aŭtoritatoj, kiuj direktas la instruadon en Belgio, la progresan staton de la lingvo Esperanto en Belgio,—*tion ĝi faris post deziro esprimita de tiuj aŭtoritatoj mem.*

Malmulte da deklaracioj la Ligo rikoltis, tro multe mi opinias, kaj aliaj opinias same. Eĉ kelkaj grupoj ne resendis unu solan folion subsignitan!

Ni okupiĝu, amikoj, por akiri utilan rezultaton kaj ne por apogi projektojn de kiuj la sukceso estas duba kaj de kiuj la nesukceso refalos certe sur la kaŭzo, kiun ni defendas.

Penu por altiri al tiu kaŭzo la gravan korporacion de komerc-vojaĝistoj, kiuj ĝis nun iom ridetas kiam ili aŭdas la vorton: Esperanto.

Kaj, kun intereso, ni povas ankaŭ helpi tian projekton de kolonio aŭ neŭtra ŝtato (!), nome Amikejo, sed ne entuziasme disvastigi sciigon ke ĝi estas akceptita de la Belgaj grupoj, ĉar la Belgaj grupoj nenion faris pri tio, prave.

Jos. Jamin.

---

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

Post diversaj klopodoj, la Universala Esperanto-Asocio estas nun oficiale fondita. La provizora regularo jus estis akceptita de la delegitoj kaj la komitato rajtigita. La celo de tiu nova, por nia movado tre grava organismo, estas la plifaciligo de la ĉiuspecaj rilatoj inter diverslingvanoj kaj la kreo de fortika ligilo de solidareco inter ĝiaj anoj. Por tio ĝi organizas per Esperanto diversajn internaciajn praktikajn servojn, tuj uzeblajn de la personoj, kiuj vojaĝas, korespondas, komercas, rilatas kun alilingvanoj pri ĉiaj fakoj. Ĝi klopodas por starigi en kiel eble plej multe da lokoj konsulojn, Esperanto-Oficejojn, kiuj helpos al la vojaĝantaj samideanoj; ĝi organizas vojaĝojn, ekskursojn, esperantistajn libertempajn koloniojn, hotelojn, unuvorte klopodas per ĉiuj rimedoj por enkonduko de Esperanto en la praktikan vivon kaj por la internacia uzado de nia lingvo.

La organizo de la U. E. A. estas starigata sur la jena plano. En ĉiu loko, kie tio estas ebla, estas Delegito, elektita nun de la grupoj aliĝintaj, poste nur de la U. E. A. anoj. La Delegito reprezentas la komitaton, zorgas pri la interna administrado de la Asocio en sia regiono klopodas por starigi en sia loko la servojn ĉie organizatajn de la U. E. A. Li mem elektos sian anstataŭanton, siajn helpantojn, kiuj laboros por la funkciado de la diversaj fakoj, ĉiu laŭ sia specialeco, kaj subdelegitojn, kiuj en ĉiuj ne grandaj lokoj de lia regiono reprezentos la delegiton kaj lin helpos por la plenumo de lia tasko. La Komitato, elektita de la delegitoj, estas dividita laŭ diversaj fakoj, por kies zorgado estas komisiitaj unu komitatano kaj helpkomitatanoj, nome: Fako 1a Administrado; 2a Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj; fako 3a Turismo. Estas anoj de la U. E. A. ĉiuj anoj de la organizaĵoj, kiuj elektis aŭ elektos delegitojn. La anoj havas la rajton senpage uzi la servojn organizatajn de la U. E. A. Plie, ĉiuj anoj, kiuj pagas la malkaran kotizaĵon difinitan en la regularo (24 Sd.) ricevos membrokarton, kiu donos al ili la rajton plendi se ili ne ricevus la servojn, kiujn ili rajtas.

Jam ekzistas Delegitoj en 97 lokoj diversregionaj. Post la fundo de la U. E. A. estas nedubeble. ke multaj grupoj, societoj, k. c., kompreninte la praktikan signifon de tiu organizajo por nia afero, deziros partopreni en ĝi kaj elekti delegiton. Cirkulero pri tio estas nun dissendita al ĉiuj ekzistantaj organizaĵoj, kiuj estas petataj respondi ĝin kiel eble plej baldaŭ. La grupestroj, kiuj ial ajn ĝin ne ricevis, bonvolu skribi al Esperanto, Genève (Svisujo) 8, Rue Bovy-Lysberg.

La komitato de la U. E. A. konsistas el: Sroj H. Bolingbroke Mudie, prezidanto; H. Hodler, vicprezidanto; A. Carles, Th. Rousseau, R. Mesny, S. Meyer, P. Blaise, J. Schmid, Dro Whitaker, anoj.

Ni rimarkigu al niaj gelegantoj ke la Universala Esperanto Asocio havas celon difinitan kaj ne okupiĝos pri la lingva demando. Ĝi kunligas nur la grupoj aŭ izolataj Esperantistoj kiujn interesas turismo, konsuloj, ekskursoj, internaciaj rilatoj k. c.

---

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — Pendant le mois de mai, le groupe Pioniro avait encore organisé une série de conférences sur différents sujets. Le 20 mai a eu lieu une assemblée générale du groupe, qui vota d'importantes décisions; une nouvelle assemblée aura lieu le 10 juin.

Nous donnerons un compte-rendu de ces réunions dans un de nos prochains numéros.

Mr le lieutenant Giminne a fait une causerie au Cercle photographique d'Ixelles le 21 mai; il eut grand succès. L'auditoire s'intéressa beaucoup à la démonstration, car Mr Giminne traita particulièrement la question au point de vue des relations internationales entre photographes.

**Laeken.** — Vendredi, 22 mai, eut lieu une fête intime organisée par le groupe « La Semanto », en l'honneur de Monsieur Lucien Blanjean, à l'occasion de la fermeture de son troisième cours. Les chants et déclamations ont obtenu le plus vif succès.

Monsieur Charles Rossignol fils, au nom de ses condisciples, a remercié le sympathique professeur Mr Blanjean en termes les plus chaleureux et un jeune élève a remis à ce dernier, un superbe souvenir, comme gage de reconnaissance.

Visiblement ému, Monsieur Blanjean remercia Mr Rossignol, les élèves du cours et les nombreux auditeurs. A son tour, Monsieur H. Calais, président de la Semanto, prit la parole pour remercier tous ceux qui avaient prêté leur concours à la petite fête, et l'on se sépara, charmés, en se promettant de se revoir bientôt.

**Antwerpen** (uit « de Volkstribuun »). *Bij onze Esperantisten.* — Onze kameraden, onder de leiding van den heer Van der Biest, maken goede vorderingen. Zaterdag den 16n Mei hadden ze 't genoegen eens terdege de voordeelen van de wereldtaal te ondervinden.

M. Van der Biest bracht hun als gast mede, den heer H. Bolingbroke-Mudie, ondervoorzitter van den Londenschen club, een der drie inrichters van het laatste Esperantisch congres dat in Augusti 1907 te Cambridge plaats had.

De heer Bolingbroke-Mudie, die Engelschman is, werd den leerlingen voorgesteld door M. Van der Biest; hij sprak hen in Esperanto toe, zeggende dat hij, als propagandist voor de wereldtaal ten uiterste belang stelde in hun groepje pioneurs, en de toelating vroeg hunne les dien avond bij te wonen.

De bijeenkomst was uiterst gezellig. 't Was meer een causerie dan een les dien avond. M. Mudie vertelde den leerlingen over zijne reis die hij op 't oogenblik maakte en het doel daarvan — het eerstkomend Esperantisch wereldcongres — hij moedigde hen aan de studie tot het einde toe voort te zetten, wees nog eens op de groote voordeelen van de wereldtaal en eindigde met in eenige welgevoelde woorden hulde te brengen aan den warmen propagandist, M. Van der Biest, over zijn werk en zijne leerwijze.

M. Van der Biest antwoordde en wist zijne leerlingen — zooals hij dat meermaals doet — eenige aangename dingen te zeggen.

**Bruxelles.** — Dum la maja monato, la grupo Pioniro ankaŭ organizis serion da paroladoj pri diversaj temoj. La 20an de majo okazis ĝenerala kunveno de la grupo, kiu voĉdonis gravajn decidojn; nova kunsido okazos dum la 10a de Junio.

Ni raportos detale pri tiuj kunvenoj en ia proksima numero.

Sro leŭtenanto Giminne faris paroladeton ĉe la Klubo pri fotografarto en Ikselo, dum la 21a de majo, li rikoltis grandan sukceson. La aŭdantaro multe interesiĝis al la elmontro, ĉar Sro Giminne traktis aparte la demandon je vidpunkto de la internaciaj rilatoj inter fotografistoj.

**Laeken.** — Vendredo, 22an de Majo, okazis intima Vesperfesto organizita de l' Grupo « La Semanto », je la honoro de Sinjoro Lucien Blanjean, pri la finiĝo de sia tria kurso. Kantoj kaj deklamoj rikoltis grandan sukceson.

Sinjoro Charles Rossignol filo, je la nomo de siaj kunlernantoj, dankis la simpatian profesoron Sinjoron L. Blanjean, per entuziasmaj paroloj, kaj junulo, prezentis belan donacon, kiel pruvo de dankeco.

Kortuŝita, Sinjoro Blanjean dankis Sinjoron Rossignol, la lernantojn kaj ĉiujn alestantojn. Siavice, Sinjoro H. Calais, prezidanto de la Semanto, dankis la aktorojn kaj oni disiris, plenkontentaj, kun promeso sin revidi balde.

**Antverpeno** (El la « Volkstribuun »). *Ĉe niaj Esperantistoj.* — Niaj kamaradoj, instruitaj de Sro Van der Biest, bone progresas. Sabaton, la 16an de Majo, ili havis la plezuron fakte eksperimenti la utilon de la tutmonda lingvo.

Sro Van der Biest enkondukis kiel gaston, Sron H. Bolingbroke-Mudie, vicprezidanton de la Londona klubo kaj unu el la tri organizintoj de la lasta esperantista kongreso, kiu okazis dum Aŭgusto 1907 en Cambridge.

Sro Bolingbroke-Mudie, kiu estas Anglo, estis prezentata al la lernantoj de Sro Van der Biest; li alparolis niajn amikojn dirante ke kiel propagandisto por la internacia lingvo, ilia grupeto da pioniroj tre interesas lin, kaj petis la permeson ĉeesti la instruadon.

La kunveno estis ege agrabla. Estis pli vole interparolado ol instruado tiun vesperon. Sro Mudie rakontis al la lernantoj pri sia nuna vojaĝo kaj ĝia celo — la venonta esperanta tutmonda kongreso — li kuraĝigis ilin por daŭrigi la lernadon ĝis la fino, vidigis ankoraŭ la grandan utilon de Esperanto, kaj finis, laŭdante per kelkaj bonaj sentitaj paroloj la fervoran propagandiston Sro Van der Biest, lian laboron kaj lian metodon.

Sro Van der Biest respondis kaj sukcesis — kiel li ofte faras — diri al siaj lernantoj kelkajn agrablaĵojn.

Alles was in de nieuwe taal verhandeld. En ieder had beide sprekers uitstekend verstaan.
Men ging in opgewekten geest uiteen.
Wij hopen dat, als nu de goede tijd bij onze vakgenooten weer zal zijn aangebroken, dat de volgende wintercursus door velen onzer zal gevolgd worden.

SAMIDEANO.

**Berchem.** — Op Zaterdag, $9^{n}$ Mei, had eene zeer belangwekkende voordracht de volgelingen der Zamenhofsche taal vereenigd in het lokaal « Limburgia », zetel der Berchemsche esperantische groep. De ruime zaal was te klein om de menigte toehoorders te bevatten, die begeerig waren om den sympathieken redenaar, D$^{r}$ R. Van Melckebeke, voorzitter der Antwerpsche groep, te vergezellen op zijne reis door Zwitserland.
In sierlijk Esperanto heeft deze de aanwezigen geleid naar de sneeuwvelden der Jungfrau, naar de verrukkelijke bergtoppen, die Zermatt omgeven en eindelijk op de majestatische gletschers van den Witten Berg.
Heerlijke lichtbeelden luisterden de voordracht van den Heer Van Melckebeke op, die een welverdienden bijval inoogstte.
« Het besluit » zegt de *Métropole* die over deze bijeenkomst verslag geeft, « dat het publiek van deze schoone voordracht zal hebben medegenomen is, dat het Esperanto, zóó zoetluidend en zóó verstaanbaar gesproken, de overtuiging geeft dat het wezenlijk de ideale taal is voor de wederlandsche betrekkingen, en dat zijn steeds toenemende bijval ten volle verrechtvaardigd is ».

**Boom.** — Les cours de langue auxiliaire sont terminés. A cette occasion, le groupe Espérantiste de Boom a remercié son inlassable instructeur, M$^{r}$ Alphonse Mathijs (membre du groupe Espérantiste de Duffel) qui a donné le cours pendant l'hiver passé.
De superbes cadeaux lui furent présentés par les membres et le président, M$^{r}$ Jules Clerbaut rappela en de louangeuses paroles, les services que M. Mathijs rendit à notre cher Esperanto. Ces paroles furent fort applaudies et tous s'écrièrent : Vive Mathijs ! Vive Zamenhof ! Vive à jamais la langue internationale !
Ensuite le président offrit aux membres un verre de champagne. On but aux progrès de l'Esperanto et on entonna l'hymne superbe Espero.

**St-Trond.** — Le groupe *Stelo Matena* (L'Etoile du Matin) avait organisé, le 7 mai, une belle fête à l'occasion de la réception de son président d'honneur le Père De Coene et de M$^{r}$ A. J. Witteryck, membre du Comité de la Ligue. Le programme était fort intéressant et parmi les morceaux de chant nous avons noté : Hymne à Zamenhof, l'Espero, Aimez les oiselets etc... C'est le résultat du Cours organisé par le frère Louis à l'Institut St-Trudon et de la propagande si bien préparée là bas ; M. F. Bauer a accepté la présidence du nouveau groupe.
Nous lui souhaitons bienvenue et prospérité.
— Le même jour, le groupe « Excelsior » avait organisé un examen pour ses élèves et avait aussi

Ĉio estis pritraktita per la nova lingvo. Kaj ĉiuj estis komprenintaj ambaŭ parolintaj.
Oni entuziasme dirigis.
Ni esperas ke, kiam la bona tempo ĉe niaj samprofesianoj estos denove reveninta, la proksima vintra kurso estos ĉeestata de multaj el ni.

SAMIDEANO.

**Berchem.** — Je Sabato, la $9^{a}$ de Majo, tre interesplena parolado kunigis la adeptojn de la Zamenhof'a lingvo en la kunvenejo « Limburgia », sidejo de la Berchema esperantista grupo. La vasta ĉambrego estis tro malgranda por enhavi la multon da aŭdantoj, avidaj por akompani la simpatian oratoron, S$^{ron}$ D$^{ron}$ R. Van Melckebeke, ĉe lia vojaĝo tra Svislando.

Per eleganta Esperanto li gvidis la ĉeestantoj al la neĝaj kampoj de la Jungfraŭ'o, al la mirindaj montpintoj kiuj ĉirkaŭas Zermat'on kaj fine sur la majestaj glaciejoj de Blanka Monto.

Belegaj lumbildoj ilustris la paroladon de S$^{ro}$ Van Melckebeke, kiu rikoltis tre meritan sukceson.

« La konkludo » diras la *Métropole*, kiu raportas pri tiu kunveno, « kiun la publiko estos kunportinta de tiu ĉi bela parolado estas, ke Esperanto, parolita tiel belsone kaj kompreneble, donas la certigon ke ĝi estas reale la ideala lingvo por la internaciaj rilatoj, ke ke ĝia ĉiam kreskanta sukceso estas plene pravigita ».

**Boom.** — La kursoj de la lingvo internacia estas finitaj. Je tiu okazo la « Booma Grupo Esperantista » dankis sian senlacigan samideanon S$^{ro}$ Alfonso Mathijs (membro de la « Duffela Grupo Esperantista) kiu instruis la kurson dum la pasinta vintro.

Belegaj donacoj estis prezentitaj de la membroj, kaj la prezidanto S$^{ro}$ Julio Clerbaut faris laŭdantan paroladon pri la multaj servoj, kiujn S$^{o}$ Mathijs faris al nia kara Esperanto. Tiu parolado estas tre aplaŭdata kaj ĉiuj grupanoj ekkriis : Vivu Mathijs ! Vivu Zamenhof ! Vivu, ĉiam vivu la lingvo internacia !

Poste la prezidanto prezentis al la grupanoj kutiman glason da ĉampano. Oni trinkis al la progresado de l'Esperanto kaj ekkantis la belegan himnon de l'Espero.

**St-Trond** (Trudonopolo). — La grupo *Stelo Matena* organizis, dum la $7^{a}$ de Majo, belan feston okaze de la akcepto de sia honorprezidanto, S$^{ro}$ Patro de Coene kaj de S$^{ro}$ A.-J. Witteryck, komitatano de la Belga Ligo. La programo estis tre interesa kaj inter la kantoj, ni notas : Himno al Zamenhof, l'Espero, Amu birdetojn, k. c. Tio estas rezultato de la kurso organizita de S$^{ro}$ F$^{to}$ Ludoviko ĉe la Instituto St-Trudono kaj de la propagando tie bone preparita ; S$^{ro}$ F. Brauer akceptis prezidon de la nova grupo.
Bonvenon al ĝi kaj bonan prosperon.
— La saman tagon, la grupo « Excelsior » organizis ekzamenon por ĝiaj lernantoj kaj ankaŭ

reçu la visite de M[r] A.-J. Witteryck. M[r] Mathieu, président du groupe du petit séminaire « Juna Espero » et l'abbé Knaepen, professeur au collège S[t] Quirin de Huy ont particulièrement bien réussi.

Le père Decoene, directeur du groupe, présenta M[r] A.-J. Witteryck pendant une fête à laquelle prit encore part le groupe de Tongres « les Enfants d'Ambiorix ». Les groupes traversèrent la ville avec le drapeau vert et tinrent une réunion commune; MM[rs] Mathieu et Decoene conférencièrent sur l'utilité de la langue et son expansion.

akceptis viziton de S[ro] A.-J. Witteryck. S[ro] Mathieu prezidanto de la grupo de la malgranda seminario « Juna Espero » kaj abato Knaepen, profesoro en la kolegio S[t] Quirin en Huy aparte bone sukcesis.

S[ro] patro Decoene, direktoro de la grupo prezentis S[ron] Witteryck dum festo al kiu partoprenis ankoraŭ la grupo el Tongres « la Idoj de Ambiorikso ». La grupoj trapasis la urbon kun la verda standardo kaj kunvenis kune; S[roj] Mathieu kaj Decoene paroladis pri utilo de la lingvo kaj ĝia divastiĝo.

---

## VOJAĜIMPRESOJ EL GERMANLANDO.

(*Daŭrigo*).

### LEIPZIG.

Leipzig, la dua urbo de Sakslando, ne estas malproksima de Dresden: nur du horojn da vagonara veturado. Mi neniam vidis tielan diferencon inter du urboj de sama lando, tiel najbaraj la unu de la alia. Ili ambaŭ estas grandaj kaj belegaj, kaj tamen tute malsimilaj. Dresden estas la ĉefurbo, la reĝa urbo, kiu ripozas trankvila, iom malgaja, en sia majesta fiereco, en la gloro de siaj artaj trezoroj, de sia itala beleco. Leipzig estas la komerca urbo, vigla, vivanta; komerca urbo de kiu la belaj larĝaj vojoj, la senlimaj parkoj kaj ĝardenoj, la nekomparebla pureco de ĝiaj stratoj kaj plantaĵoj, agrabligas la tiean vivadon.

La Leipzigaj monumentoj estas tre multnombraj, tre vastaj, tre imponantaj, sed, bedaŭrinde, ili ne posedas la arkitekturan valoron, la artistan belecon de la Dresdenaj.

La plej bela ornamaĵo de Leipzig estas ĝia belega Aŭgusto-placo. Tiu vastega kvarangulo estas ĉiuflanke limigita je belaj imponantaj monumentoj: laŭlarĝe la Nova Teatro kontraŭstaras la Muzeon; laŭlonge la fama Universitato rigardas la Ĉefan Poŝtoficejon. Larĝa vojo partigas la placon en du kvadratoj borditaj je arboj. Antaŭ la Muzeo troviĝas admirinda fontano, « Mendebrunnen ». El la baseno, ornamita je figuroj kaj kreskaĵoj, elstaras alta ruĝmarmora obelisko.

La Muzeo estas bela konstruaĵo, kiu meritas viziton de la fremdulo. Ĝi enhavas multajn valorajn pentraĵojn, inter aliaj la tre konatan kaj ŝatindan « Insulon de l' Mortintoj » (Toteninsel), de Böcklin, kaj multajn verkojn de la fama Leipziga skulptisto Klinger.

La mondfama Universitato, kiu estis antaŭ kelkaj jaroj preskaŭ tute rekonstruita, posedas vidindan halon, ornamitan je pentraĵoj, kaj belan internan korton, « Paulinerhof ». Flanke de la Universitato, sur la Aŭgusto-placo, troviĝas preĝejeto, « Paulinerkirche », kiu apartenas al la sama monumento.

La malantaŭa parto de la Teatro prezentas belan vidaĵon. Ĉarma teraso, kun restoracio, elstaras el lageto, en kiu, je la piedo de la konstruaĵo, enŝprucas beleta fontano. Sur la akvo naĝas cignoj, kiu donas al ĝi ĝian nomon: « Schwanenteich », Lago de l' Cignoj. La lageto estas nur parto de bela ĝardeno kiu sin etendas malantaŭ la Teatro. Je la kontraŭa flanko de la vasta Aŭgusto-placo alia parko troviĝas malantaŭ la Muzeo, kaj ambaŭ parkoj estas nur partoj de la ĉarmaj promenadoj kiuj ĉirkaŭas la malnovan centron de la urbo.

Apud la Universitato, per la Grima'a strato (Grimmaische str.), la plej vigla strato el Leipzig, ni eniru en tiun malnovan parton de la urbo. Malnova estas nur vorto, pro la loko, ĉar preskaŭ ĉiuj malnovaj stratoj kaj domoj de Leipzig malaperis kaj estis anstataŭigitaj per novaj konstruaĵoj. Tiu centro estas la vera komerca parto de la urbo. La stratoj, ne tre larĝaj, estas borditaj je multnombraj magazenoj. Multaj el tiuj ĉi estas tre vastaj, tre modernaj. Estas kurioze, kiel, en multaj el tiuj stratoj, ĉiuj samaj vendejoj estas kunigitaj. En la strato « Brühl » oni vidas nur magazenojn de felaĵoj. En aliaj stratoj troviĝas kune ĉiuj grandaj librovendejoj.

En la centro de Leipzig ni vidas, sur la Placo de l' Vendejo (Marktplatz), la malnovan Urbdomon. Estas unu el la plej rimarkindaj konstruaĵoj de la urbo, en malnovgermana Renaskiĝa stilo. Oni ĵus restarigis, sed ne plibeligis, la monumenton.

Nun, post ni trairadis tiun centron de la Leipziga komerco, ni revenu al la Aŭgusto-placo, por entrepreni agrablan vojiradon laŭ la belaj plantaĵoj de la promenadoj, aŭ bulvardoj, kiuj ĉirkaŭas la urbmezon. Ni laŭiras la Lageton de l' Cignoj, laŭ la Göthestrato, kaj baldaŭ alvenas ĉe la stacidomoj. Tri diversaj konstruaĵoj tie kune troviĝas. Estas la Dresdena, la Magdeburga kaj Turinga stacidomoj. Aliloke oni havas ankoraŭ la Bavaran. Ĉiuj estas disĵetotaj, kaj anstataŭigotaj per unu centra stacidomo. De kelkaj jaroj oni jam komencis tiun laboron.

Laŭirante la plantaĵojn aŭ « Anlagen », ni vidas la Borson, la malnovan Teatron, diversajn preĝejojn, vastajn placojn, ĝis ni alvenas al la granda nova Urbestrarejo. La monumento havas altan rondan turon, kiu estas la sola persistaĵo de la malnova citadelo « Pleissenburg ». Vastaj placoj kaj aleoj ĉirkaŭas la novan monumenton. Tuj poste ni ekvidas la Juĝejon, vastegan palacon kiu, per sia kupolo kaj sia stilo, multe similas la Juĝejon de Bruselo. Bela ponto troviĝas apud la monumento, ĉar Leipzig estas trafluita de diversaj mallarĝaj riveretoj, Pleisse, Parthe kaj Elster, kiuj estas parte arkekovritaj. Ĉe la « Tauchnitzbrücke » komencas la plej bela aleo de la urbo, la Tauchnitzstrato, kiu

estas ambaŭflanke bordita je imponantaj, riĉaj kampodomoj, kaj kondukas al belegaj parkoj, pri kiuj mi baldaŭ parolos.

De la Juĝejo ni povas daŭrigi nian promenadon ĉirkaŭ la urbcentro, preterpasante aliajn vastajn placojn, belajn monumentojn, larĝajn vojojn kaj verdajn plantaĵojn, ĝis, tiamaniere, apud la Muzeo, ni revenas al la Aŭgusto-placo. Iom ekstere de tiuj promenadoj etendiĝas ĝis tre malproksime la multnombraj vastaj antaŭurboj. En la orientkvartalo troviĝas multaj vastaj malsanulejoj, klinikoj, k. t. p., kaj la bela « Domo de la Libristoj » (Buchhändlerhaus).

La Tauchnitzaleo, mi jam diris, enkondukas en vastegajn admirindajn ĝardenojn. Kiel bela estas la Johanino-parko, kaj tuj poste la parko de la Reĝo Alberto (König-Albert Park)! Kiel ĉarmaj estas tiuj verdaj aleoj, tiu bela lago, tiuj agrablaj vojetoj! Oni ne bezonas forlasi la urbon por troviĝi en la kamparo. Apud la centro mem de Leipzig komencas la bela parko « Rosental » (Valo de l' Rozoj). La plej proksima parto estas zorge flegita, kiel bela florriĉa ĝardeno; plej malproksime, la parko fariĝas reala arbaro. Pli vastega, pli sovaĝa estas la « Connewitzerholz » (arbaro de Konevits), kiu komencas apud la Albertparko, kaj sin etendas sude ĝis la najbaraj vilaĝoj. Tiu arbaro prezentas nur pentrindajn vidaĵojn, speciale laŭlonge de la rivero Pleisse, kiu ĝin trafluas sub verda arkaĵo de intermiksitaj arbsuproj. Ambaŭ tiuj promenadoj kondukas al diversaj agrablaj restoracioj. En la Kasino de Rosental (kiu troviĝas je la enirejo de la Parko), mi ĉeestis Esperantistan kunvenon, kie oni raportis pri la Kembriĝa Kongreso.

Leipzig posedas Zoologian Ĝardenon, kiun ni ne povas kompari je la Antverpena, sed belega estas la Palmĝardeno, la rava kunvenejo de la alta societo.

En la sud-orienta najbaraĵo de Leipzig, malproksime je ĉirkaŭ duonhoro da tramveturado, sin etendas la fama Leipziga ebenaĵo, la loko de la batalo de l' popoloj. Tie oni efektivigas gigantlaboron. Jam de la jaro 1898ª oni estas konstruanta memorigan monumenton kiu estos la plej alta, la plej imponanta el Germanlando. Ĝi atingos 90 metrojn. Mi vidis la fundamenton, jam alta de ĉirkaŭ 30 aŭ 40 metroj. Estas impresa vidaĵo. Ĝi donas al ni ideon de la Egiptaj piramidoj. La monumento estos finita en la jaro 1913ª, pro la centjara datreveno de la fama batalo. Ĝis antaŭ nelonge la batalkampo prezentis nur nudajn herbejojn. Nun ĝi estas aliformigita en bela parko, kaj larĝega aleo ĝin rekte kunigos kun la urbcentro. Ĉe la sama loko oni vidas malgrandan memorigan ŝtonon, « Napoleonstein », kaj la Napoleonan Muzeon (Museum der Völkerslacht).

Mi aldonos ankoraŭ kelkajn vortojn pri la fama Leipziga foiro (Messe). Ĝi okazas dufoje ĉiujare, je la printempo kaj en la komenco de Septembro. Dum multaj jarcentoj ĝi malbeligis ĉiufoje per siaj bundetoj la belan Aŭgustplacon, kaj ĉiujn aliajn placojn de la urbo. De la pasinta jaro ĝi translokiĝis al vasta antaŭurba ebenaĵo. Tie, ĉiuj budetoj estas kunigitaj en longaj rangoj. Oni tie vendas ĉiuspecajn komercaĵojn, kiel en vasta bazaro. Unu parto estas rezervita por la amuzigaj barakoj. Tiun detalvendadon antaŭas pogranda vendado en la magazenoj de la urbo, speciale ĉe la felistoj.

Mi fine resumas tiun longan priskribon, konkludante ke, nedisputeble, Leipzig meritas viziton de la fremduloj. Ĝi ne estas artoplena urbo kiel Dresdeno, sed ĝi estas tamen tre interesa, kaj tre bela. Mi do ripetas entuziasme al ĉiuj Esperantistoj kiuj vojaĝos al Dresdeno: « Ne forlasu Sakslandon sen viziti Leipzig. Sed ne nur vidi la belan Aŭgustan placon kaj kelkajn komercajn stratojn ĉirkaŭantajn; vidu la bulvardojn, vidu la parkojn, vidu la arbarojn; kaj poste diru ĉu Leipzig ne estas admirinda! »

MARIA POSENAER.

---

## Provo de Marista Terminaro.

Post la tre rimarkinda « Matematika Terminaro » de Sro Bricard, aperas provo de Marista Terminaro verkita de kelkaj kunlaborintoj sub la direkto de Sro Rollet de l'Isle, hidrografiista ĉefinĝeniero de la franca maristaro.

Kompreneble tiu-ĉi teknika terminaro utilas nur al personoj jam parolantaj esperante, konsekvence ĝi estas redaktita nur esperante. Ĉiuj teknikaj vortoj estas ekzamenitaj grupe, ĉiu grupo rilatante al ia aparta sekcio de la marista scienco aŭ metio; laŭ tiu metodo oni facile vidas kiel formiĝis la kunmetitaj vortoj.

Tiu verko enhavas 3 sekciojn:

1e) La unua estas priskribanta teksto, enhavanta ĉiujn teknikajn terminojn kun ilia klarigo kiel eble plej mallonga, ordigitajn laŭ ordo kiu estas nature difinita de la necesoj de la teksto. Kiam tio estas ebla, por eviti priskribaĵojn kiuj donus tro longan kaj seninteresan tekston, oni uzis figuraĵojn por klarigi la aferon.

2º) La dua estas tabelo enhavanta, laŭ alfabeta ordo, la *novajn* teknikajn vortojn kun ilia signifo en angla, germana, franca, hispana, itala kaj holanda lingvoj; tiamaniere ke la legantaro povas juĝi pri la praveco de ĉiu privorta elekto.

3º) La tria estas ankaŭ tabelo enhavanta, laŭ alfabeta ordo, la esperantajn terminojn sekvitajn de la numero de la paĝo en kiu ili troviĝas en la unua sekcio, kaj, laŭbezone, de la literoj kiuj respondas al ili en la « Internacia kodo ». (Oni scias ke la Internacia signalaro estas tradukata en ĉiuj naciaj lingvoj kaj ke en ĉiu el tiuj tradukoj, la samaj literoj respondas al la sama afero.)

Tian teknikan terminaron oni povas uzi laŭ du diversaj manieroj: Ĉu oni estas esperantigonta teknikan tekston, tiam sufiĉas ke oni trovu la vortojn kiujn oni bezonas, kunigitajn kun ilia difino, en la sekcio de la terminaro kiu rilatas al la demando pri kiu oni laboras; ĉu oni estas tradukonta en ia nacia lingvo esperantan teknikan tekston, tiam sufiĉas ke oni trovu en la alfabeta vortaro la vortojn kiujn, laŭbezone, oni trovas en la teksto kun ilia klarigo.

Tiu verko estas dividita en ok partoj kiuj pritraktas:
1e) Astronomio, navigacio, pilotarto, hidrografio, meteorologio;
2o) Vapormaŝinoj, ŝipŝelo;
3o) Nomoj de la diversaj ŝipoj, manovro de la direktilo, manovro de la ankroj, manovro de la mastaro, manovro de la velaro, manovro de la barkoj, ŝnuroj kaj iliaj manovroj;
4o) Navigantaj ŝipoj, signaloj;
5o) Surŝipa artilerio;
6o) Militaj kaj komercaj havenoj;
7o) Vestaro, Enŝipa deĵoraĵo, Rangaro;
8o) Mara komerco, Fiŝkaptado.
Kiel prave diras Sro Rollet de l' Isle en la antaŭparolo de lia verko « tiu terminaro ne enhavas la tuton de la terminoj uzataj en la maristaro. Ĝi simple deziras unue, montri al la maristoj ke la lingvo Esperanto tre bone taŭgas por utili al ili, due starigi la elementojn de la teknika marista lingvo, por ke, laŭbezone, oni povu facile plenigi ĝin. »
Tiu verko estos certe tre bona propagandilo por la disvastiĝo de Esperanto.
Ofte aperas novaj verkoj, sed bedaŭrinde, ili estas tre malofte tiel taŭgaj kiel tiu-ĉi. Estus do nepre dezirinda ke la esperantistaro havu sian propran reprezentantaron, delegitaron aŭ akademion al kiu ĝi devos submeti siajn verkojn. Tiu akademio alprenos aŭ forprenos, parte aŭ tute, la verkojn ĉiuspecajn al ĝi submetitaj kaj, de tiu momento, neniu povos kontraŭstari la decidojn de la Esperanta Akademio.

Leŭto M. CARDINAL.

## BIBLIOGRAFIO.

Ĉe *Tipografia Sociale di Magliola e C. Biella Italio.*

**Compendio di grammatica Esperanto** de Paolo Lusana. . . . . . . . . . . . . . . . . . L. 1,25 Sm. 0.50

Ĉe *Vaĉlav Riegel en Praha-II-1687 Bohemio.*

**Slovakoj kaj Magiaroj** de H. K. Bouŝka . . . . . . . . . . . . . . . . . . Hel. 50 Sm. 0.21

Ĉe *Ludwig Baŭer, Koetzschenbroda-Dresden, Grenzstr., 3.*

**Terapio de Diabeto.** Reklama broŝuro.

Ĉe *Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.*

**Malnovaj paĝoj** el « Lingvo Internacia » unua serio. . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 1.25 Sm. 0.50

**Plej gravaj ĉefverkoj de la Eŭropaj Muzeoj.** albumo da dek poŝtkartoj kun kromfolioj, unua serio. . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 1.00 Sm. 0.40

**Esperantaj perloj** el « Lingvo Internacia ». Aforismoj, proverboj, poezioj. Tri serioj jam aperis. Ĉiu serio kostas . . . . . . . . Fr. 0.30 Sm. 0.12

Ĉe *Librairie de l' Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.*

**La vangfrapo.** Unuakta komedio de Abraham Dreyfus, tradukis Ŝ. Sar. . . . . . . . . . . . . . . . . . Fr. 0.75 Sm. 0.30

Ĉe *Administracio de Progreso, 7, rue Pierre Nicole, Paris.*

*Franca, Angla aŭ Germana Klefilo,* kvarfoliaj propagandiloj. Dek ekzempleroj . . . . . . . . Fr. 0.25 Sm. 0.10
Po unu respond-kupono internaciona.

## Deziras Korespondadi.

Alfred Siebenschein, Alleegasse, 58I, Wien IV. 2. (Aŭstrio) studento filoz. kaj jur. Sekretario de l' « Akademia Societo Esperantista » en Wien, deziras korespondi kun belgaj studentoj.

## PROBLEMOJ.

**Problemo 19a** (de Mozano). — Komercisto, kiu posedas pesilon, intencas pesi de unu ĝis kvardek kilogramoj, nur per kvar peziloj speciale fabrikitaj.
Kiaj estas la peziloj?

**Problemo 20a** (de Mozano). — Tri vendistoj havas, kunmiksite, kukurbojn kaj melonojn.
La unua havas 100 fruktojn, la dua 60, la tria 20.
La kukurboj kostas saman prezon ĉe la tri vendistoj; ankaŭ la melonoj. Tamen post vendo, ĉiu el la vendistoj ricevas saman sumon.
Kio okazis?

**Problemo 21a** (de Plantano). — Diagonaloj.
Bravulo, graciaj, ganglia, malvero, objekto, plastri, plorulo.
— Kvadrate aranĝu tiujn sep vortojn tiamaniere ke, legante la diagonalojn, vi trovu du vortojn signifantajn: figuro enpresita sur malmola materio, — ne sama decido.

La solvoj estos akceptitaj ĝis fino de Julio ĉe la direkcio de la jurnalo, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.

## SOLVOJ.

**Problemo 8a.** — Longeco de la kanalo: 36 × 5 = 180 Km.
Longeco de la fervojo; 180 — 36 = 144 Km.

**Problemo 9a.** — Oni orientiĝas per suno, polusa stelo, magneta montrilo aŭ poŝhorloĝo.

**Problemo 10a.** — Kvar — en — teno.

**Problemo 11a.** — O — Vo — Ovo — Bovo — Brovo.

**Problemo 12a.** — P A N
A L E
N E J

**Problemo 13a.** — En monato Apr — ilo.

**Problemo 14a.** — La nombroj divideblaj per 9, de nombro 18 ĝis 99.
Ekz. 45 = 8 + 12 + 5 + 20
(8 + 2) = (12 — 2) = (5 × 2) = (20 : 2).

**Problemo 15a.** — Aristotelo.

**Problemo 16a.** — Priamo.

**Problemo 17a.** — Likurgo.

**Problemo 18a.** — Drako.

**Divenis.** — Grafo B. 10. 11. 18, La Maskito. ĉiujn krom 14, Aprido ĉiujn krom 10, 16 kaj 18, Meksika lernanto 8 kaj 14.

# ATENTU !

La lerta homo, kiu pretendis fari tiom da aferoj kiom li volis sen ia anonco, ĵus perforte devis akcepti nepre helpon de anoncoj; la afiŝo estas titolita :

AŬTORITATA VENDO PRO JUSTECO.

L'homme habile qui prétendait faire autant d'affaires qu'il voulait sans aucune publicité, vient d'être forcé de recourir aux annonces quand même; l'affiche est intitulée :

VENTE PAR AUTORITÉ DE JUSTICE.

*(American Druggist).*